6a JARO. JANUARO 1914. 3a N° (63)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| **Redakcia parto** : | **Administracia parto** : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion, kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion, al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*
*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## BABILADO

Feliĉan novjaron !

Ni deziras al niaj karaj legantoj longan kaj agrablan vivon, kaj daŭran fervoron por la esperantista afero !

Ĉiam ni celos pli kaj pli perfektigi nian ĵurnalon.

Ni komencas novan rubrikon, *Lasthoraj Novaĵoj*, kiu aperos sur la lasta paĝo de ĉiu numero kaj en kiu ni publikigos la sciigojn kiujn ni estos ricevintaj antaŭ la fino de la monato.

S-ro INTERIM, tre agema samideano, kiu deziras resti nekonata, kunmetos provizore la Eksterlandan Kronikon.

Regule aperos bibliografiaj artikoloj, kiuj estos verkitaj de S-ro SCHOOFS aŭ de la nuna subskribanto.

Post la publikigo de *La Amuzistoj*, ni presigos tradukon de la ĉarma unuakta teatraĵo *Bietje*, de MAURITS SABBE, tradukon ankaŭ faritan de S-ro D-ro VAN DER BIEST.

Tradukojn de fremlandaj literaturaĵoj ni dum la nuna jaro nur malofte publikigos ; sed tre bonvenaj estos tradukoj de verketoj de belgaj aŭtoroj (flandraj, francaj aŭ valonaj).

Ĉiujn leterojn, ĵurnalojn, k. t. p., oni daŭrigu sendi al *Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

Al ĉiuj niaj sindonaj kunlaborantoj kaj helpantoj, plej koran dankon ! B. E.

*Estas devo por* BELGA ESPERANTISTO *sciigi al siaj legantoj kaj al ĉiuj Esperantaj ĵurnaloj, por ke ili tion ankaŭ diskonigu, ke oni devas nepre esti singarda pri la agadoj de iu S-ro* BUDJEVAZ, *serba esperantisto, kiu trairas la mondon por fari paroladojn pri la milito en la Balkanlandoj. En Bruselo kaj en Antverpeno li prunteprenis monon de diversaj samideanoj, kaj eĉ en Bruselo li forlasis la hotelon forgesinte pagi siajn elspezojn.*

*Ni bone komprenas, ke peresperanta vojaĝanto povas en iu momento esti ĝenata laŭ la mona flanko, sed ni ne povas aprobi, ke li tute mistere svenas, kiel la «Joconde», ne lasante ian novaĵon pri sia adreso. Samideanoj, kaj precipe anoj de U. E. A., atentu pri tiu speciala manifestacio de la « interna ideo ».* B. E.

# BELGA KRONIKO

Tutkore mi dankas F-inojn MOREAU kaj JESSNEN (Brussel), F-inon LEDÈNE kaj S-ron WITTERYCK (Brugge), S-rojn Prof-ron VANDRUNEN, MATHIEUX, d'ARTOIS kaj KAMARADO (Brussel), VERMANDEL, DERKS kaj DE BACKER (Antwerpen), ROMMEL (Verviers), DESONAY (Spa), DERVAUX (Caprycke), PETIAU kaj BLAK (Gent), kiuj bonvolis respondi jese al mia alvoko por kunlaborado.

El unu el la plej gravaj esperantistaj centroj de Belgujo mi ĝis nun ne ricevis respondon, sendube pro la malsano de la samideano, al kiu mi estis turninta min. Atendante lian resaniĝon — kiun ĉiuj liaj multnombraj amikoj deziras baldaŭa kaj kompleta —, mi esperas, ke alia sindona samurbano bonvolos anstataŭi lin.

* * *

Revidi malnovan bonan amikon estas ĉiam granda feliĉo : tial ĝojis la belgaj esperantistoj, kiam S-ro EDMOND PRIVAT vizitis ilin je la fino de Novembro. Kaj tiu vizito estis ne nur agrabla, sed ankaŭ tre utila.

Nia talentplena samideano veturis al Belgujo por denove semi la bonan semon : li faris paroladojn en Charleroi, en Brussel kaj en Antwerpen.

En Charleroi li parolis la 27an de Novembro, je la 5a, antaŭ 150 personoj en ĉambrego de l'*Université du Travail* ; tiu tre aplaŭdata parolado — franclingva — estis publika. La saman vesperon, je la 9a, li esperantlingve paroladis antaŭ la anoj de l'Grupo kun tia sukceso, ke la nombro de l'anoj de U. E. A. en Charleroi tuj duobliĝis.

La sekvantan tagon, S-ro PRIVAT paroladis en Brussel, okaze de koncerto(1) organizita en la *Cercle Polyglotte*, koncerto dum kiu oni aplaŭdis du ĉarmajn kantistinojn — S-inon CHARLIER kaj F-inon MOYAERTS —, la konatan kantiston S-ron LAMBRECHT kaj la bonegan pianiston S-ron GILLET. 200 personoj ĉeestis ; dank' al la elokventa oratoro, multaj ne-esperantistoj fariĝis esperantistoj kaj multaj esperantistoj fariĝis anoj de U. E. A.

Fine, la 29an, nia sindona amiko paroladis grandsukcese en Antwerpen ; li priparolis la floradon de Esperanto en Germanujo, Rusujo, Anglujo, Usono kaj la aliaj landoj, kiujn li vizitis, kaj klarigis la multnombrajn servojn, kiujn faras U. E. A.

En Brussel, S-ro PRIVAT estis akceptata de l'financministro, S-ro LEVIE, kiu tre interesiĝis je U. E. A. Li vizitis ankaŭ S-ron senatanon LAFONTAINE, kiu estas agema samideano kaj multe korespondas kun alilandaj esperantistoj, precipe ĥinaj kaj japanaj.

(1) Tiu koncerto estis bonege organizita de F-ino MOREAU. Tre laŭda raporto aperis pri la parolado kaj la koncerto en *L'Indépendance Belge*.

Mi estas certe la interpretanto de ĉiuj belgaj esperantistoj, dankante sincere nian amikon PRIVAT pro la gravaj servoj, kiujn li faras al la movado en nia lando.

* * *

La ĵurnalo *L'Indépendance Belge* presigis artikolojn pri Ido, verkitajn de S-ro LEMAIRE ; dank' al la sindono kaj la talento de S-ro Prof-ro VANDRUNEN ĝi nun ankaŭ publikigis poresperantajn pledadojn. Estas nepre ĝojiga okazintaĵo, ke la esperantista tezo estas klarigita en ĵurnalo tiel grava kaj tiel internacia, kiel *L'Indépendance*.

* * *

Belgo akiris Nobel-premion, kaj tiu samlandano estas samideano ! La belgaj esperantistoj do duoble ĝojos pro la honorigo farita al S-ro LAFONTAINE.

Oni legas en *Het Handelsblad* :

La Nobel-komitato de la Norveguja Storthing aljuĝis la pacpremion al S-ro HENRI LAFONTAINE, ano de l'Belguja Senato kaj prezidanto de la Internacia Konstanta Pacoficejo.

S-ro HENRI LAFONTAINE estas 59jara. doktoro je juro. Dum 1877 li fondis la Asocion por Virina Profesia Instruado, dum 1889 la Belgan Asocion por Arbitracio kaj Paco, kies sekretario li estas. Dum 1892 li fariĝis ano de l'Internacia Oficejo de l'Pacligoj kaj profesoro de Internacia Privatjuro ĉe la universitato de Brussel. Dum 1895 li starigis la Internacian Oficejon de Bibliografio kaj la saman jaron li fariĝis senatano de l'provinco Hainaut. Li estas sekretario de l'Senato kaj vicprezidanto de l'Interparlamenta Pacoficejo.

Li verkis multajn librojn pri la rajtoj kaj la devoj de la ŝtatoj.

En la nomo de la redakcio de *Belga Esperantisto* kaj de ĉiuj belgaj esperantistoj, mi tutkore gratulas nian eminentan kunbatalanton ! D-ro W. VAN DER BIEST.

**ANTWERPEN.** — S-ro ABEL BAESENS faris la 4an de Decembro en la grupo *Suda Lumo* paroladon pri *La Utileco de l'Ĥemio*. La parolanto, kiu estas ĥemiisto, pruvis la necesecon de la ĥemio en la grunda kulturado, la sterkado, en diversaj industrioj (sukerfabrikejoj, bierfarejoj, fer-kaj kuprofandejoj), en la medicino, speciale ĉe renmalsanoj kaj aliaj, kiuj necesigas analizon de l'urino. Ankaŭ S-ro BAESENS montris la utilecon de l'ĥemio al la serĉado de kulpulo ; li klarigis la manieron por fari fingrimpresojn, k. t. p. Estis bela kaj amikecplena vespero, kiu finiĝis per la prenado de la fingrimpresoj de ĉiu ĉeestanto sur granda papero, kiu restos en la grupŝkranko kiel memoraĵo pri tiu agrabla kunesto, pro kiu ni tre sincere dankas S-ron BAESENS. J. DERKS.

— La ĵurnalo *Het Nederlandsch Tooneel* anoncas, ke S-ino BERTRIJN la ĉarma kreintino de *Kaatje* kaj de *Ginevra*, « verŝajne veturos dum la monato Aprilo al Peterburgo. por kunlabori tie por Esperanta prezentado. Oni proponis al S-ino BERTRIJN, ke ŝi aliĝu al trupo, kiu faros rondiran vojaĝon tra tuta Eŭropo, kun repertorio tute en Esperanto. » Tiuj sciigoj estas nur parte veraj, sed ĝis nun mi ne povas paroli pri tio, ĉar mi promesis teni la aferon sekreta. En nia venonta numero mi kredeble rajtos priparoli tiun « rondiran vojaĝon ». JAN.

**BRUGGE.** — S-ro WITTERYCK, la sindona prezidanto de la *Belga Ligo Esperantista*, faris la 4an de Decembro paroladon pri Esperanto en la societo *Davidsfonds* kaj varbis multajn adeptojn.

La 29an de Novembro malfermiĝis nova elementa kurso farata kun granda sukceso de F-ino ANNA BOEDT. Ĉiuj ŝiaj novaj lernantoj estas tre fervoraj kaj promesas fariĝi viglaj batalantoj por nia afero. B. LEDÈNE.

**BRUSSEL.** — *Le Bulletin Mensuel de la Fédération Postscolaire* raportas tre favore pri parolado farita en Brussel de S-ro BUDJEVAZ (1) pri la *Balkanaj Militoj*. F. M.

**SPA.** — Dum sia lasta kunsido, la grupo kunmetis sian estraron jene: honora prezidanto, S-ro Barono DE CRAWHEZ, urbestro; prezidanto, S-ro BORCKMANS; vicprezidantino, F-ino HOFFMANN; kasistino-bibliotekistino, S-ino BORCKMANS; sekretario, S-ro DESONAY; geanoj, F-inoj POTTIER kaj LEBRUN, S-inoj DOBBELAERE kaj LETIEXHE. Du novaj kursoj estas organizitaj, farataj de S-ino BORCKMANS kaj de F-ino HOFFMANN.

Kvar gesamideanoj, S-ino DOBBELAERE, F-inoj HOFFMANN kaj DUMEZ kaj S-ro DESONAY, ricevis la diplomon de la Ruĝa-Kruco. J. DESONAY.

**VERVIERS.** — Nia grupo malfermis samtempe du kursojn, kun 37 lernantoj. Unu el ili estas por la flegistoj de la Ruĝa-Kruco. F. ROMMEL.

---

# EKSTERLANDA KRONIKO

**ANGLUJO.** — (2) La konferenco de *Londona Federacio* okazis en Woodgreen kun granda sukceso. Oni decidis ree eldoni la Federacian Gazeton, kiu de kelka tempo ne plu eliris. Oni finis per bela koncerto kaj balo. Plie okazis la konferenco de *Lancashire kaj Cheshire Federacio*; ĉeestis pli ol 135 federacianoj.

Vizitis Londonon, (1) S-ro BUDJEVAZ el Belgrad (Serbujo): li estas bonega kaj malnova esperantisto, kiu vojaĝas nur per Esperanto.

**AŬSTRIO.** — Jam okazas la preparaj laboroj por la IVa Tutaŭstria Kongreso en Franzensbad. La kongresanoj ricevos senpage loĝejon de la urbestraro, kiu ankaŭ metis orkestron kaj kuracoĉambregon je la dispono de la komitato.

**FRANCUJO.** — S-ro Prof-ro CHARLES RICHET, kiu jus ricevis la Nobel-premion pri medicino, publikigas en la franca gazeto *La Paix par le Droit* tre gravan artikolon pri Pacifismo kaj Internacia Lingvo. Jen kiel la eminenta scienculo parolas pri Ido kaj Esperanto:

« Lingvo, kia ajn ĝi estas, ne povas esti perfekta; certe estas, ke per la uzado oni trovos en ĝi difektojn, mankojn. Kiel supozi, ke homo povas krei ion neriproĉindan, kiu ĉiujn kontentigos! Do, evidente — tion oni povas apriorie aserti — Esperanto ne estas perfekta lingvo. Sed tiuj neperfektaĵoj estas nenio kompare kun la ĉefgrava intereso, kiu estas *neŝanĝebleco*. La granda danĝero de la artaj lingvoj estas, ke ili ne havas fiksajn, neŝanĝeblajn vortaron kaj gramatikon, kiujn povas renversi la malbona humoro de ĉiu ajn. En la naturaj lingvoj, kies leĝojn fiksis antikva uzado, kaj kiujn neniu, eĉ ne la Akademio, rajtas modifi, tiu danĝero ne estas timinda... Sed se artan lingvon ĉiu volas korekti kaj renversi laŭ sia plaĉo, ĝi ne estas ekzistinda, ĉar ĉia staremo malaperas. Ido estas Esperanto plibonigita, reformita! Estu! Mi tion volas kredi! sed post du

---

(1) Pri tiu sinjoro, vidu paĝon 49.

(2) El letero de F-ino ŜEFER.

lingvoj nova lingvo, *hyperido*, ekzemple, povos esti proponata. Oni do devos ankoraŭ ŝanĝi. Kaj post Ido kaj Hyperido aliaj reformistoj venos. imagos *Superhyperidon* !... Pli bone estas lingvo kun kelkaj difektoj, ol lingvo pli perfekta, sed ŝanĝema kaj submetata al konstanta reviziado ; lingvo kiu,estante en eterna fariĝado, estos forlasata al ĉiuj individuaj kapricoj, al la plej nekompetentaj gramatikistoj, ne konkeros eĉ unu solan adepton ; ĉiuj saĝaj homoj forirus de ĝi rapidege... Esperanto estas lingvo sinteza, metoda, facila, racia kaj admirinda. Do, ĉiu modifo en Esperanto, eĉ se ĝi estus progreso,estas kondamninda, ĉar ĝi detruas konstruaĵon, kies firmeco estas nepra kondiĉo,eĉ se estas ia disharmoniaĵo en iuj el ĝiaj flankaj elementoj. »

— La fina rezulto de la *Konkurso Michelin* estas nun konata. Premion de 2000 fr. ricevis S-ro LELARGE, el Poitiers, de 1000 fr. S-ro PRIMÉ el Paris, kaj de 500 fr. S-roj GOUCHON el Lyon kaj GERMAIN el Paris.

—La 23an de Novembro okazis posttagmeze en la Sorbonne la jara premidisdono de la *Pariza Esperantista Grupo*. La ceremonio estis prezidata de S-ro Prof-ro RICHET, membro de la Medicina Akademio, helpata de S-ro BRICARD, prezidanto de la grupo, kaj de Generalo SEBERT.

Prezentinte S-ron RICHET al la multnombra ĉeestantaro, S-ro BRICARD diris :

« Estas tre granda honoro,kiun vi faris al ni,akceptante la prezidantecon de tiu kunsido. La nomo de CHARLES RICHET estas unu el tiuj,kiuj jetas rebrilon sur nian landon.Antaŭnelonge vi ricevis la plej altan rekompencon,je kiu scienculo povas pretendi, la Nobelpremion pri medicino por 1913... Ni ne estas fiziologistoj,sed ni scias,ke en fiziologio via nomo radias... Ni scias ankaŭ, ke la potenco kaj diverseco de via spirito sin manifestas en ĉiuj fakoj ; ke vi estas delikata poeto, ke vi ege klopodas por la pacifisma afero... »

— Post parolado de S-ro BRICARD kaj dank'al klopodoj de S-ro DELANOUE, F-ino GÉRARD malfermis Esperantan kurson por 147 oficistoj de la Pariza *Société Générale*.

— S-ro ERNEST ARCHDEACON anoncas la aliĝon al Esperanto de la famekonata aviadisto ESNAULT-PELLETRIE, kiu ĉiutage skribas al li Esperante kaj fariĝos certe unu el niaj plej entuziasmaj propagandistoj.

— Ni ĉerpas el *Esperanto* la jenajn sciigojn pri la Kongreso de Paris :

La Kongreso okazos en « Gaumont Palace ». La « Gaumont Palace » (Palaco Gaumont) staras en Montmartre, ĉe *place Clichy*, unu el la plej facile alireblaj punktoj en Paris.

Ĝia ĉefa salonego entenas 6500 lokojn, laŭ unu parterego kun loĝioj kaj du etaĝoj. La scenejon okupos la estraro, la orĥestrejon la gazetistoj.

Estos flankaj ĉambroj por la kongresaj oficistoj kaj la fakaj kunvenoj aŭ kongresetoj.

Ĉirkaŭ la salonego ringe disvolviĝas promenejo, kies pargedon — kiel en la tuta palaco — kovras mola tapiŝo. Ĉe la muroj staras vestejoj. Estas bela salono kun floroj kaj mebloj laŭ stilo Louis XVI, bufedo, vendejo, ekspozicio.

Funkcios oficejo de la *Société Générale*, potenca banko, por financaj servoj, kaj la Akceptejo por ĉiuspecaj servoj.

La loĝado en Montmartre aŭ *Quartier Latin* ne kostos kare, nur Fr. 2 por unu nokto kaj Fr. 5 aŭ 5.50 por unu nokto kaj la manĝoj (plej malaltaj prezoj).

La klopodoj por ricevi patronaron kaj monsubtenojn estis plej ofte sukcesaj. Aliparte la garantia kapitalo atingis ĉe la 25 novembro Fr. 46.300.Espereble estos, ke sur la francaj fervojoj la kongresanoj ricevos rabaton. Ĉe la landlimo ili trovos dejorantajn esperantistojn, kiuj helpos al ili por la dogano kaj liveros al ili ĉiajn informojn kaj eventuale la rabatilojn. En la Parizaj stacidomoj estos akceptejoj kaj same dejorantoj.

Ĉar ni volas liveri nur certajn sciigojn, ni povas diri nur malmulton pri la programo. Unu tuta tago (merkredo plej verŝajne) estos speciale dediĉita al la fakaj kunvenoj. La morgaŭon oni difinis por la ekskurso al Versailles.

Okazos prezentadoj, oni povas esperi, de neeldonita teatraĵo de konata franca aŭtoro. Mi diras prezentadoj, ĉar oni ne ludos nur unu vesperon.

Ĉiutage okazos piedaj promenadoj laŭ gvidado de sperta esperantisto. La tuta vidindaĵaro estos dividita en 5 aŭ 6 promenadojn, tiel ke ĉiu kongresano, plenuminte ilin ĉiujn, estos vidinta ĉion vidindan sen laciĝo,sen elspezo,kaj kun samideanoj.

Post la Kongreso oni povos ekskursi al la belaj renesancaj kasteloj apud rivero Loire, per aranĝoj de la tiea Esperantista Federacio.

La kvina Kongreso de U. E. A. ankaŭ okazos en Paris samtempe kun la Universala Kongreso ; la posedantoj de la Kongresa karto rajtos, sen plua pago, ĉeesti la kunsidojn de U. E. A. kaj ricevi la Kongresan Dokumentaron de U. E. A.

**GERMANUJO.** — Internacia ekspozio por la libra industrio kaj grafikaj artoj okazos la proksiman jaron en Leipzig. Preskaŭ ĉiuj ŝtatoj riprezentiĝos en tiu granda entrepreno kaj la plejmulto inter ili konstruos proprajn domojn. Ekzistos tie ankaŭ la *domo de Esperanto*.

— *Frateco*, laborista esperantisto societo en Leipzig, malfermis en diversaj lokoj 17 kursojn, kiujn ĉeestas entute 186 lernantojn.

**ĤINUJO.** — Ni ŝuldas al la afableco de S-ro VERMANDEL, delegito de U. E. A. en Antwerpen, la jenan kliŝajon, kiu prezentas la anojn de la eblga gvardio en Peking. Ĉiuj estas esperantistoj !



**ITALUJO.**— Post sukcesplenaj kunvenoj en Muggio kaj Capodistria, S-ro DEMETRIO COSSARO, profesoro de la Itala katedro de Esperanto en Bologna, faris la 2ᵃ an de Novembro efikan paroladon en Isola, bela apudmara industriurbeto de Istrio.

**RUSUJO.**— (1) Samtempe kun la progresado de Esperanto,en Rusujo iom post iom ŝanĝiĝas la sintenado pri nia lingvo de la rusa gazetaro kiu, plejparte,

(1) El letero de S-ro L. AGURTIN.

ĝis la lastaj jaroj aŭ estis nefavora al Esperanto aŭ tute ignoris ĝian movadon. Ne plu tiel ofte kiel antaŭe estas nun artikoloj mokantaj, Esperanton,komparantaj ĝin kun spiritismo kaj futurismo aŭ konsiderantaj ĝin kiel ludilon de maniakuloj.

La plej bonan akcepton trovis Esperanto ĉe la provincaj gazetoj. Multaj el ili ofte presigas poresperantajn artikolojn, aliaj ĉiam subtenas nian movadon. Inter la lastaj estas notindaj : *Severo-Zapcindi telegraf* (Nord - Okcidenta Telegrafo), kiu estas oficiala organo de la *Kovna Societo Esperantista*, *Neue Lodzer Zeitung*, *Nova Gazeta Lodzka* kaj *Kurjer Kalisski*, kies redaktoro mem estas fervora esperantisto.

Same la gazetaro de Kiev fariĝis favora.

Ankaŭ la jurnaloj de la gepatra urbo de D-ro Zamenhof ne restas indiferentaj al nia lingvo : *Voĉo de Belostok* estas la unua loka jurnalo, kiu de la pasinta jaro presigas poresperanta jn artikolojn : ĝi havis korespondantojn dum la Naŭa kaj en Gent. Alia jurnalo, *Novaĵoj de Belostok*, regule presigas Esperantan kronikon.

— Post sukcesplena parolado de S-ro DMITRIEV ĉe la *Virinaj Politeknikaj Kursoj*, fondiĝis en Peterburgo, la 28an de Oktobro,nova grupo kun 35 membroj.

—Ankaŭ estas fondita *Ligo de Studentoj Esperantistoj* konsistanta el 9 memstaraj grupoj ĉe diversaj superaj lernejoj. Tiu Ligo enhavas entute 250 anojn.

**SKOTUJO.** — Grandaj estis la lingvaj malhelpajoj ĉe la 9a Kongreso de la *Internacia Kooperativa Ligo* en Glasgow, kaj neniu miros pri tio, kiam oni scios, ke 600 delegitoj, riprezentantaj pli ol 2.000.000 membrojn de 130.000 societoj, ĝin partoprenis. S-ro W. MAXWELL ricevis specialan aklamon, kiam li anoncis, ke en sekvonta kongreso oni alprenos Esperanton kiel komunan lingvon.

**SVISUJO.** — *Le Mouvement Féministe* el Geneve enpresas leteron de F-ino A. SCHENK pri la feminista kunsido, kiu okazis dum la IXa Internacia Kongreso, kaj kiun ĉeestis 38 riprezentantoj esperantistaj el 9 diversaj landoj. Jen aldono, kiun faris F-ino E. GOURD, redaktorino, al tiu interesa letero :

« La intereso por Esperanto de la feminismo estas al mi des pli evidenta ke ni, en Budapest, spertis, kio estis la Babela Turo. La membroj de nia Ligo parolas 22 lingvojn. Kia profito estus por nia afero,se ĉiuj lingvoj povus esti anstataŭataj de unu lingvo, kiel oni skribis antaŭ ne longe en la jurnalo *Jus Suffragii* !» De nun la telegrafa adreso de l'Internacia Ligo estas donata Esperante.

INTERIM.

# NEKROLOGIO

La 20an de Novembro mortis subite Pastro WILLEM VAN GRIETHUYSEN, konvinkita esperantisto, kiu okaze de la Sepa Universala Kongreso faris elokventan Esperantan predikon en la Protestanta Preĝejo de Antwerpen. Ni prezentas nian koran kondolencon al la funebranta familio.

— Dum la monato Oktobro mortis en Alĝer Generalo PRIOU, prezidanto de la Francuja societo *Esperanto-Ruĝa-Kruco*. Granda perdo estas por nia afero la malapero de tiu laborema kunbatalanto.Jam en 1905 li estis delegita de l'Francuja Ruĝa-Kruca Societo al la Internacia Konferenco de R.-K. en London. Dum la Internacia Kongreso de Barcelona li organizis la eksperimentojn de l' Ruĝa-Kruco kaj ĉiam li klopodis kuraĝe por triumfigi Esperanton kiel helpan lingvon de l' R. K.-societoj.

# Titolaro de la verkoj en kaj pri Esperanto aperintaj en Belgujo

(*Daŭrigo.*)

## B. Lernolibroj.

CLÉ. — Vidu ISIDORE.

ISIDORE (Frato I. CLÉ). — *Lingvaj lecionoj por instrui la infanojn* (flandre, france kaj Esperante), presita per literoj Braille. 1912... paĝoj, 16×24 cm. Prezo : fr. ... Eld. «Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht». Woluwe-Brussel.

— *Ekzercaro* (ZAMENHOF), presita per literoj Braille. 1904. 64 paĝoj, 16×24 cm. Prezo: fr. 1.60. Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

— *Gramatiko Esperanta*, presita per literoj Braille. 1904. 32 paĝoj, 16×24 cm. Prezo : fr. 0.90. Eld. « Koninklijk Blinden- en Doofstommengesticht », Woluwe-Brussel.

DE TROYER (Leŭtenanto-Kolonelo E.). — **Resumé de grammaire Esperanto* (d'après l'ouvrage de DE BEAUFRONT). 1907. 15 paĝoj, 19×13 cm. Prezo : fr. 0.15. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

FINET. — Vidu SWAGERS.

PALMER (H. E.) — **Esperanto à l'usage des français*. 1907. 159 paĝoj, 19 1/2×13 cm. Prezo : fr. 1.25. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

MAERTENS (ALBERT). — *Cours d'Esperanto*. 1911. 32 paĝoj, 21 1/2×13 1/2 cm. Prezo : fr. 1.00. Eld. Buyens-Viteux, Gent.

RENARD & VAN MELCKEBEKE. — **Projekto de kemia vortareto*. 1903. Eld. « Scienca Revuo », Paris.

SWAGERS (FR.) kaj FINET (AD.). — *La ĉiutaga vivo*. 1906. 128 paĝoj, 18 1/2×12 cm. Prezo : fr. 1.00. Eld J. Van Hille-De Backer, Antwerpen.

SEBRUYNS (M.) — *Spraakleer en oefeningen van de internationale taal Esperanto*. 1907. 100 paĝoj, 19 1/2 × 13 cm. Prezo : fr. 1.00. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

VAN DEN KERCHOVE (H.) — *De Esperantische woorden volgens de beteekenis vereenigd*. 1911. 47 paĝoj, 19×13 cm. Prezo : fr. 1.00. Eld. A J. Witteryck, Brugge.

VAN MELCKEBEKE. — Vidu RENARD.

WITTERYCK (A. J.). — *Het Esperanto in 10 lessen*. 79 paĝoj, 19 1/2×13 cm. Prezo: fr 0,60. 3 eldonoj. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *Het Esperanto in vijf lessen*. 1909. 51 paĝoj, 20×10 cm. Prezo : fr. 0.60. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *L'Esperanto en cinq leçons*. 1909. 48 paĝoj, 20 × 10 cm. Prezo : fr. 0.70. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *Companion of the English Esperantist*. 1906. 60 paĝoj, 13 1/2×8 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. A J. Witteryck, Brugge.

— *Zakboekje van den Nederlandschen Esperantist*. 1908. 47 paĝoj, 13 1/2×8 cm. Prezo : fr. 0.50. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *Het Esperanto*. 1910. 43 paĝoj, 17 1/2×9 cm. Prezo: fr. 0.10. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— *L'Esperanto pour tous*. 1909. 38 paĝoj, 17 1/2×9 cm. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

## C. Propagando.

CHAPELIER (EMILE). — **Les libertaires et la langue internationale Esperanto*. 1909. 45 paĝoj, 18×11 cm. Prezo : fr. 0.10. Eld. J. B. Madou-Cop, Antwerpen.

ESPERANTISCH VERBOND VAN ANTWERPEN. — *De Waarheid over Esperanto en Ido, La vérité sur l'Esperanto et Ido*, kun antaŭparolo de A. J. WITTERYCK. 1913. 28 paĝoj, 24×15 1/2 cm. Prezo : fr. 0.10. Eld. « Belga Esperantisto », Antwerpen.

FÉDÉRATION ESPÉRANTISTE D'ANVERS. — Vidu ESPERANTISCH VERBOND VAN ANTWERPEN.

JAMIN (JOS.). — **Pour les congrès futurs : l'Esperanto*. 1912. 13 paĝoj, 26×16 1/2 cm. Prezo : fr. 1.00. Eld. Ferd. Ickx, Leuven.

LEMAIRE (CH.). — **L'Esperanto, solution triomphante de la question de la langue auxiliaire universelle*. 1898. 53 paĝoj, 23×15 cm. Prezo: fr. 0.50. Eld. «Société générale d'Imprimerie», Brussel.

NEERDAELS (J.). — **Het wetenschappelijk vraagstuk eener kunstmatige taal*. Prezo : fr. 0.50. Eld. Demarteau-Thys & Zoon, Tongeren.

SACRÉ (EDGAR). — **L'Esperanto, langue internationale auxiliaire* (kun 2 geografiaj kartoj). Prezo : fr. 1.25. Eld. «Institut Géographique», Brussel.

VERMANDEL (ARTH.). — *Kort overzicht der wereldhulptaal Esperanto* (laŭ la franca propagandfolio *Simples aperçus sur la langue internationale Esperanto*). 1910. Propagandfolio, 26×22 cm. Prezo : fr. 2.00 por 100 ekz.

— *Leert de wereldhulptaal Esperanto*. 1911. 3 paĝoj, 14 1/2×11 cm. Prezo : fr. 2.00 por 100 ekz.

WITTERYCK (A. J.). — *Het Esperanto, zegepralende oplossing van het vraagstuk der wereldtaal*. 1902. 32 paĝoj, 18 1/2×10 1/2 cm. Prezo : fr. 0.15. Eld. A. J. Witteryck, Brugge.

— **L'Esperanto, solution triomphante du problème de la langue internationale auxiliaire*. 1906. Eld. «Belga Ligo Esperantista».

— *Rapport au Congrès International pour le soulagement des blessés de la guerre*. 1913. 13 paĝoj. Eld. A. J. Witteryck, Brugge. 2 eldonoj.

(*Daŭrigota.*) A. VERMANDEL.

# Psikologio de la Antverpena vivo

Antverpeno estas bela urbo, tiel bela, ke oni ĝin nomis la Reĝino de la Nordaj urboj. Ĝi estas efektive unu el la plej grandaj komercaj centroj de la tuta tero, ĝi havas belegajn haveninstalaĵojn, imponajn konstruaĵojn, tre komfortajn hotelojn, riĉe provizitajn butikojn, luksajn restoraciojn kaj kafejojn.

Por la artisto kaj la artamanto, Antverpeno estas urbo plena de historiaj memorajoj, antikvaj konstruajoj kaj eĉ nuntempaj poeziaj belaĵoj.

Se vi volas, ni ion vagetos tra la metropolo kaj mi montros al vi kelkajn scenetojn el la agema vivo de la Reĝino de la Skeldo.

* * *

Se ni promenas de la Centra Stacidomo laŭ la De Keyser-aleo, Teniers- kaj Meirplacoj, Ŝuvendejstrato, Verda Placo, Malnova Grenvendejstrato kaj Sukerkanalo ĝis la Skeldo, sur tiuj stratoj, kies hoteloj, kafejoj, restoracioj kaj butikoj povas esti kalkulataj inter la plej luksaj kaj plej belaj de Belgujo, ni renkontas homojn el ĉiuj rangoj kaj el ĉiuj landoj de la mondo : komercistojn kaj makleristojn rapidirantajn al la oficejoj, Antverpenajn burĝojn kaj burĝinojn promenantajn, knabojn kaj knabinojn irantajn al la lernejo, turistojn kun la ruĝkovrila Baedeker en la mano, polajn elmigrantojn, kiuj malrapide laŭiras la straton, kvazaŭ ili ĉiam tro frue atingus la finon de sia vojaĝo, Skandinavajn, Rusajn, Italajn, Anglajn, Germanajn maristojn, Ĥinajn, Hindajn kaj Japanajn ŝiplaboristojn, unuvorte plendiversecan miksaĵon de ĉiulandaj personoj.

Kaj inter tiu amaso de popolo, la veturiloj, la aŭtomobiloj kaj la tramoj iras kaj reiras kun bruo de rajdado kaj fajfado, kiu metas en la pejzaĝon karakterizan noton de vivo.

* * *

Se vi volas nun vidi la honestan, fieran kaj afablan Antverpenan komerciston, iru en la vendejojn, magazenojn kaj butikojn, kiuj ne ankoraŭ estas ekspluatataj de anonimaj societoj. Tie vi trovos lin, la fieran kaj honestan posteulon de tiu mezepokaj komercistoj, kiuj tre ĝuste meritas la nomon « sinjoroj ».

Vi ne bezonas ĉe li prezenti la kvaronon de la prezo, kiun li postulas de vi por tiu ĉi aŭ tiu objekto. Ĝenerale la prezoj estas fiksaj, la komercaĵoj estas vendataj je sia preciza valoro, kaj la vendistoj estas afablaj. Eĉ se vi ne konas la flandran lingvon, li komprenas vin, kiam vi parolas france, angle aŭ germane, ĉar pro la senĉesa vizitado de alilandanoj, la Antverpenano bezonas kompreni almenaŭ kelkajn vortojn de tiuj lingvoj.

* * *

Iru nun al la dokoj, ĉu sude, ĉu norde, kaj ĉie vi vidos tiun saman popolamason kun, plie, la bruo de en- kaj elŝipigo de pezaj pakoj kaj kestoj enhavantaj la plej diversajn komercaĵojn de la tero.

Tie laboras niaj doklaboristoj, la plej fortaj kaj la plej viglaj, kiujn oni konas, kiuj ofte, kiam laboro urĝas, dum du tagoj kaj du noktoj en- kaj elŝipigas centkilogramajn barelojn, sakojn kaj kestojn aŭ lignajn tabulojn kaj ferajn trabojn.

Tie laboras niaj Antverpenaj laboristinoj, kiuj purigas kaj flikas la uzitajn sakojn, kiuj taŭgelektas la kafajn fabojn aŭ prilaboras la salitajn bovhaŭtojn, kiu n Sud-Ameriko sendas al nia haveno, kaj kiuj eĉ portas ŝarĝojn de cent kilogramoj.

Rigardu ilin, rerigardu ilin, dum ili laboras ĉe la Skeldo, aŭ dum ili traveturas la urbon sur grandaj plataj korporaciaj ĉaroj, kaj vi revidos inter ili la fortikajn karnoplenajn kaj ruĝkolorajn virinojn, kiujn Rubens pentris sur siaj mondfamaj pentrajoj. Multaj el ili, se ili estus riĉe vestitaj, povus esti kalkulataj inter la plej belaj el la virinoj de la tero.

Tie ankaŭ vi vidos la korporaciajn ĉevalojn, la plej fortikajn kaj la plej modelbelajn laborĉevalojn, kiujn oni povas vidi. Ili estas zorgeme elektitaj inter la plej belaj tipoj de la flandra ĉevalraso. Du el tiaj ĉevaloj trenas dum tutaj tagoj ĉaregojn kun ŝarĝoj de sep- ĝis okmil, eĉ kelkfoje dekmil kilogramoj.

En la kvartaloj de la malnova urbo proksime de la Skeldo vi retrovos mallarĝajn stratetojn kun antikvaj domoj, kiuj revigos vin pri la artamo de niaj praavoj kaj pri la maltrankvilaj tempoj de la Mezepoko. Ĉie vi aŭdos la gepatran lingvon, kiun la popolo amas kaj parolas, kaj kiun jarcentoj da fremda subpremado ne povis mortigi en la buŝo kaj en la koro de nia popolo.

Tie vi aŭdos la bruon de la Skeldo kaj de la veturado, kaj, dum vi rimarkos je la angulo de strateto statueton de la S-kta Virgulino, la ĉefpreĝeja sonorilaro ĉarmos viajn orelojn per la popola kanto :

Sonorilaro sonos
De l'supro de la turo,
Gemaljunuloj kantos
Kaj gejunuloj dancos!

* * *

En la kafejoj de la grandaj stratoj kaj aleoj, precipe apud la Centra Stacidomo, vespere regas gaja kaj vivplena bonhumoreco. Tie ĉi kaj tie la orkestroj aŭdigas ariojn ĉu gravajn ĉu amuzajn ; en aliaj kafejoj la sola muziko, kiun oni povas aŭdi, estas la bruetado de la sidantaj gastoj, kiuj trinkas, de tempo al tempo tintigante la glasojn, la kosmopolitan Munĥenan kaj Pilsenan bieron aŭ la Antverpenan *Garsten* (hordea biero).

Kaj la dikaj korporaciestroj, la komercaj oficistoj, la panisto, la buĉisto, la rentulo kaj la pensiulo tie estas kunigitaj. Ili fumas sian pipon kaj trinkas sian glason da biero, dum la plej gaja el la societo amuzas la ceterajn per bonhumoraj rakontoj.

Kaj sur la tuta klientaro ŝvebas atmosfero de intima ĝuado, intermiksita de la odoro de fumo kaj vaporo de biero.

Estas la « dolce far niente » de la laborema kaj agema Antverpenano.

*
* *

Vespere je la 8a, en la proksimeco de la Falkonkanala Strato. La multnombraj trinkejoj, kies diverslingvaj surskribajoj allogas

la fremdlandajn maristojn, estas hele lumigitaj. En multnombraj el ili la elektra fortepiano, la gordo aŭ la akordeono aŭdigas valson de Strauss aŭ de Waldteufel; maristoj kun virinoj iras kaj revenas, enirante aŭ elirante la diversajn trinkejojn, parolante la Anglan, Germanan, Rusan, Skandinavajn, Hispanan, Italan, Grekan lingvojn. Tie ni estas en la tiel nomata kvartalo *Ŝipista Kvartalo*.

Se vi havas tempon, ne preterlasu viziti tiun parton de la urbo. Estas vera internacia popola spektaklo.

* * *

Dimanĉon matene, kiel eble plej frue, ni promenu tra la belaj bulvardoj ĝis la *Birdvendejo* sur la Blua-Turplaco, proksime al la Nacia Banko. Ĉe la flanko de la bulvardo, ni vidas hundojn ĉiuspecajn, kiujn oni tie vendas; je la alia flanko ni trovas la birdojn. Inter tiuj du vivantaj komercaĵoj, oni povas admiri veran foiron. Vendejoj de vestoj, ŝuoj, ĉapeloj, antikvaĵoj, malnovaj libroj, feraĵoj, mastrumaj iloj, kukoj kaj sukeraĵoj, ilustritaj poŝtkartoj, rubandoj, kaj ĉio, kion vi povas imagi. Tie ĉi kaj tie, ĉarlatano, kun grandaj deklamacioj, vendas ĉu kuracilon por la kaloj, ĉu universalan gluilon, orajn poŝhorloĝojn kun ĉenoj por kvindek centimoj; kaj tre skeptike la ĉirkaŭstarantoj, kun rideto sur la lipo, rigardas kaj aŭskultas.

Tie, meze de multnombra ĉirkaŭstarantaro, virino ludas harmoniumon kaj viro ludas melodion sur violono; tiuj geludantoj, kune kun alia viro kaj fraŭlineto, kantas la rekantaĵon de la lastaj popolkantoj.

Kaj inter la ĉirkaŭstarantoj, multnombraj viroj kaj virinoj, soldatoj kaj servistinoj, knaboj kaj knabinoj kunkantadas la melodion :

Jen flugmaŝin',
Ni vidas ĝin,
Nuntempe ĉie, kredu min,
Ĉiu, viro kaj virin',
Flugas jam per flugmaŝin' !

Kaj tie la tonoj de bruanta gordo alvokas la dancemulojn al iu popola trinkejo, kie okazas balo dum la tuta antaŭtagmezo.

Ĉu vi estas batalema ? Iru je la alia flanko : sur planko antaŭ la pordeto de trinkejo, viroj kaj virinoj, eĉ kongolanda negro, vokas vin por mezuri kun ili viajn batalfortojn.

Kaj meze de tiu bruado, la Antverpenano, kiu amas la vivon de sia urbo, promenadas, rigardante ĉiujn vendejojn kaj de tempo al tempo haltante por ekzameni malnovan libron sur la budo de librovendisto.

Ni forlasu la Birdvendejon kaj, tra la belaj arbaleoj de la Bulvardo, ni ree iru ĝis la De Keyser-aleo. Helege brilas la suno, kaj, ĉar estas vere « dimanĉa vetero », la nombro de la promenantoj estas granda ; ĉiuflanken ili direktas siajn paŝojn, ĉu al la staci-

domo, por fari mallongan vojaĝon, ĉu al la Mejrplaco kaj al la Skeldo, por fari la promenadon karan al la Antverpenanoj.

Haltu nun tie, kie la De Keyser-aleo kaj la Teniersplaco formas kun la Bulvardo de l'Artoj unu el la plej belaj stratkruciĝoj de la urbo. Se vi volas tie stari nur dum kelkaj minutoj, vi certe havos la okazon vidi iun ajn el la multnombraj Antverpenaj muziksocietoj, kiuj dumsomere profitas la dimanĉan antaŭtagmezon por fari ĝojigan promenadon tra la urbo. Sed ne nur la urbaj societoj, ankaŭ tiuj de la najbaraj vilaĝoj kaj eĉ de malproksimaj komunumoj venas al Antverpeno por ĉeesti la ĉiusomeran konkurson.

Kaj tiu muzikpromenado sub la bela suno donas al la promenejoj kaj bulvardoj de nia urbo festĝojan aspekton. Vere la muziko estas nacia arto en Belgujo, kaj urbanoj kaj vilaĝanoj amas ĝin. En Antverpeno ni havas multnombrajn muziksocietojn, inter kiuj ni povas citi, kiel kuriozaĵon por alilandanoj, tiujn de la tramoficistoj, de la doganistoj kaj de la policanoj.

Tiu muzikĝojo estas unu el la karakterizaj rimarkindaĵoj de la dimanĉoj kaj festotagoj en Antverpeno.

* * *

Venu nun sur la Verdan Placon ; estas dimanĉo kaj la duono post la tagmezo. La *kvaronhora diservo* finiĝas. Tra la larĝe malfermita pordo de la ĉefpreĝejo, la fideluloj forlasas la templon kaj alvenas sur la Verdan Placon. Ĉiuj estas dimanĉvestitaj kaj, dum la muziksocieto sur la kiosko ludas marŝon aŭ uverturon, la Verda Placo kaj la ĉeaj kafejoj pleniĝas, kaj de tempo al tempo la sonorilaro faligas kelkajn gajajn notojn sur la tuton, dum la somera suno heligas tiun dimanĉfestan spektaklon.

* * *

Ni vidis nun kelkajn el la rimarkindaj aspektoj de nia urbo, kosmopolita unuflanke, tre naciema aliflanke, kaj certe vi ricevis la impreson, ke Antverpeno estas urbo kun sana kaj gaja vivo.

Ĉio montris al vi viplenon, ĝojon, korkontentecon post la ageme plenumita tagtasko.

Jes, Antverpeno estas urbo, kie oni laboras dum la duono de la tempo kaj kie oni ŝatas amuzi sin dum la alia duono.

Jes, Antverpeno estas urbo, kie regas vivo, kie regas ĝojo, kie regas libero.

Jes, oni sentas, ke tie ĉi regas libero, libero de penso, libero de ideoj, libero de arto, libero de komerco, libero de laboro, libero plej granda, kaj, kiel diris nia flandra poeto :

Ĉirkaŭiru la teron,
Vojaĝu, aŭskultu kaj vidu :
Eble vivas ie popolo pli granda,
Sed certe neniu pli libera.

Tion ni ŝuldas al la kuraĝo de la praavoj !
Al libereco apartenas nia lasta bieno kaj sango !

O. Van Schoor.

# AVINO RENSKE

(*Originale flandre verkita de* CYRIEL BUYSSE.)

La nepino atendis, nerva pro entenita emocio, ĝis kiam la maljuna avino,kiu ĵus vespermanĝis,estis murmurinta sian preĝon kaj per sia flava, sulkigita, tremanta mano farinta krucosignon. Tiam ŝi subite ekdiris : — «Avino Renske (*), mi havas sufiĉe da mono nun. Ĉu mi povos iri dimanĉon al Bouwel kaj ĝin aĉeti ?»

La maljunulino, kiu pene stariĝis por reiri al sia radŝpinilo, refalis pro timego sur sian seĝon, rigardante la junulinon kun sovaĝa miro.

— « Ho Dio - Sinjoro ! Ĉu tio estas ankoraŭ en via kapo !» ekkriis ŝi malespere.

— «Ho jes, avino Renske,» respondis Emenjo, kun ruĝaj vangoj kaj larmoplenaj okuloj.

« Mi tiom ŝatus fari vestojn por gajni iom pli da mono, kaj mi ne povas tion fari, se mi ne havas stebilon, ĉu ne ! »

Avino Renske skuis la kapon kaj dorskurbite stariĝis.

— « Ho Dio ! Ho Dio ! Kio okazas !» ŝi plendis. «Ĉu tiu eltrovaĵo de la diablo nun ankaŭ devos veni tien ĉi, en mian domon ! ».

— « Ha, avino Renske, ĝi ne estas eltrovaĵo de la diablo, » pacige diris la junulino. « Ĝi estas tre bela eltrovaĵo kaj nuntempe ĉiuj kudristinoj laboras per ĝi. »

Sopirante kaj murmurante, kun kurbiĝinta dorso, apogante la manon sur sia bastoneto, avino Renske reiris al sia radŝpinilo. Ŝi ankoraŭ estis de la malnova tempo kaj ĉiame restis tia. Ŝi nek konis nek komprenis ion pri ĉiuj tiuj novaj eltrovaĵoj. Ŝi timis kaj ege malamis ilin.

Ne dekfoje ŝi vizitis la urbon kaj neniam ŝi veturis per vagonaro. Stebilon ŝi tute ne konis. Ŝi neniam vidis iun. Sed ŝi opiniis,ke ĝi estas ankaŭ io, kiel tiu vagonaro, la unua kiu veturis trans la lando, kaj kiun ŝi estis vidinta antaŭ pli ol sesdek jaroj, kun centoj kaj centoj da aliaj personoj el la vilaĝo. «Estas la nigra diablo», tiam estis ekkriintaj la homoj, kaj timplene ili estis forkurintaj de ĝi. Vestojn fari per stebilo ! Ho ! en ŝia tempo la homoj faris mem siajn vestaĵojn, aŭ se ili tion ne scipovis, ili hejmen venigis kudristinon, kiu ilin tie faris dum ilia ĉeesto, sen iu fremda artifiko nek trompo, nur per sia propraj manoj...

— « Nu, ĉu vi konsentas, avino Renske ? Ĉu mi povos iri por ĝin aĉeti ? » ree demandis la knabino, tremante kaj timplene.

— « Ha, mi nenion povas devigi al vi, se vi pagas ĝin per via propra mono, sed tamen ne estas kun mia konsento, » plendis la maljunulineto profunde sopirante.

---

(*) Mallongigo de la nomo Emérance.

Si estis ree sidiĝinta apud sia radŝpinilo, estis ekbruliginta la bruletantan oleolampeton, kaj ŝi ŝpinis... La ligna rado zumis, ŝiaj maljunaj, sulkiĝintaj, tuberaj fingroj debobenumis kun miriga lerteco la stupofaskon. Kaj ŝia kvazaŭ tanita kapo, preskaŭ tute kaŝita sub blanka flugilkufo kun larĝa bruna rubando, similis ankaŭ stupofaskon, de kiu ŝi fantome la nevideblajn fadenojn ŝpinis, senripoze, obstine, senfine...

Dum ŝia tuta vivo ŝi estis ŝpinanta, ŝia radŝpinilo, farita por ŝi, kiam ŝi estis deksesjara, iĝis kun ŝi maljuna, lanuga kaj eluzita.

Ŝi estis ŝpininta, tie, apud tiu vitretumita, dubeverda fenestreto, kiel juneca, bela, blonda knabino, kun freŝaj vangoj kaj brilantaj okuloj, pensante al la amanto kiu akompanis ŝin dimanĉe al la vilaĝkermesoj. Tie ŝi estis ŝpininta kiel fortika, vigla mastrino, ĉirkaŭita de multokupata, bruanta aro da infanoj. Tie ŝi estis ŝpininta, maljuna kaj soleca, de post kiam ĉiuj, kiujn ŝi edukis, estis foririntaj aŭ mortintaj..., kaj nun ŝi tie ŝpinis siajn lastajn tagojn, apud tiu lasta nepineto kiu havis ŝian nomon, kaj estis bela kaj blonda kiel ŝi mem iam estis... Ŝia laboro, iam laŭmerite pagita, nun preskaŭ neniom produktis ; cetere ŝi ne plu bezonis labori, ĉar ŝi estis sufiĉe ŝparinta por ke ŝi povu sen monzorgo vivi siajn lastajn tagojn, sed ŝi tamen daŭrigis ŝpini, pro enradikiĝinta kutimo, tial ke ŝi nek povis nek volis preterlasi tion, tial ke ŝi kelkafoje pensis, ke ŝi mortus la tagon kiam ŝi ne plus ŝpinus...

Nun, la stebilo estis tamen aĉetita : belega kaj luksa meblo, brile polurita, dolĉe radumanta kaj zumanta, plezuriga je vido kaj laboro.

La najbaroj venis por rigardi kun entuziasma, preskaŭ jaluza miro, kaj ili demandis al avino Renske, ĉu ŝi ne fiera kej feliĉa estas, havante tian luksajon en sia hejmo.

Tute ne, avino Renske tute ne estis fiera kaj feliĉa pro tio. Avino Renske timis pro tiu aĵo nekonita kaj malsimpla, kiu tie staranta sur kurbaj, mallarĝaj stariloj, ne per la manoj sed kvazaŭ nevideble per la piedoj moviĝis. Kvankam ĝi ne absolute similis la «nigran diablon», tiun timigan vagonaron, kiun ŝi vidis antaŭ pli ol sesdek jaroj unuafoje veturantan trans la lando, ŝi ne jam fidis je ĝi, ŝi ne komprenis, ŝi timis, timis ĝin.

« Vi devas enŝlosi tiun aĵon ; min timigas ĝi ; » ŝi ripetis ĉiufoje kiam ŝia nepineto momente devis forlasi la domon por fari komision aŭ dimanĉe por iri al la vilaĝo...

Kaj en la soleca, malnova dometo kun ĝia malalta trabumita fumnigrigita plafono, kun ĝiaj dubeverdaj, vitretumitaj plumbkadrigitaj fenestroj kaj ĝiaj antikvaj stanaj pladoj sur la kamenplato kaj ŝranko, ili, ĉiu aparte, sidis ĉe laboro, kiel la malnova kaj la nova tempo : la blonda ruĝvanga knabino apud la dolĉa zumado de sia brilnova stebilo, la maljuna flave sulkiĝinta kaj tankolora avino apud la antikva zumado de sia radŝpinilo.

Ili ne povis vidi unu la alian, ĉiu sidanta ĵus flanke de unu el la dubeverdaj fenestretoj tra kiuj oni havis vidon sur la verda ĝardeneto kun ĝiaj malnovaj, malglataj, tuberaj fruktarboj..

La knabino, en pliiĝanta ravo pro sia belega maŝino, pensis en si mem: « Avino Renske fine pacigos kun ĝi, » kaj de tempo al tempo ŝi montris al la maljunulino la belajn ellaboraĵojn kiujn ŝi faris per ĝi:

« Vidu tiujn ĉemizojn, avino Renske, mi povas fari per ĝi dek da ili ĉiutage! »

Avino Renske ja rigardetis, sed malgraŭ tio respondis kun malaprobanta kapskuo:

« En mia tempo la homoj ne bezonis tiom da ĉemizoj...»

Kaj malgraŭ ĉio, avino Renske pacigos kun ĝi!... Tion vidis, tion sentis la knabino instinkte... Ŝajnis al ŝi, ke la maljunulino de tempo al tempo returnas siajn rigardojn al la maŝino, ke ŝi havas la sekretan deziron ion pli multe scii pri ĝi.

Foje, post kiam ŝi estis momenton eksteren irinta, ŝi trovis revenante, sian avinon starantan antaŭ la maŝino, verŝajne atentege ekzamenantan la mirigan maŝinon.

« Ĉu mi nun volas montri al vi kiel ĝi funkcias, avino Renske? » tuj demandis la knabino, avide profitante la okazon.

Sed la maljunulino ege timis kaj ŝiaj flavaj vangoj koloriĝis, dum ŝi mordeme balbutis kaj grumblis:

« Ne, ne, mi serĉis la tondilon, kial vi ĉiam formetas la tondilon? Kaj mi jam multfoje diris al vi, ke vi devas ŝlosi tiun aĵon sub ĝian kesteton, kiam vi iras el la domo, mi timas ĝin... »

« Sed, avino Renske, la tondilo kuŝas sur via radŝpinilo! » respondis Emenjo, kiu klopodis por ne ridi.

* * *

... La vintro alproksimiĝis, la tagoj plimallongiĝis. Baldaŭ, Emenjo ne plu povis labori post la kvara en la griza lumo; kaj apud la malŝatinda oleolampeto de avino Renske ŝiaj okuloj difektiĝis.

« Avino Renske, mi tamen devus havi petrollampon por vespere labori, » si diris.

Avino Renske, kiu jam pli ol sepdek jarojn kun siaj fortaj okuloj ŝpinis apud la rebrilo de la same bruletanta oleolampeto, timegis pro tiuj vortoj.

« Kiel?... petrolo en mia domo! Ĉu vi volas vidi nin vive brulantajn? » ŝi trogravigis.

« Ho, avino Renske, ne diru tion, ĉiuj homoj nuntempe bruligas petrolon, » malgaje insistis la knabino.

« Estas via afero! Estas via afero! Vi devas tion scii, vi devas tion scii, sed mi ne elspezos ununuran spesdekon pro ĝi! »

« Vi ne devas elspezi spesdekon pro ĝi, mi ja aĉetos ĝin per mia propra mono. »

Kaj alvenis bela, kupra, hele lumiganta petrollampo en la antikvan dometon.

« Nu,ĉu tio ne estas bela lumo ?» ĝojege kriis la ravita knabino kiam la lampo unuafoje brulis.

« Belaj aferoj ofte ne longe daŭras, » rediris malgajige la maljunulino al la nepineto.

Kaj dum la longaj vintraj vesperoj ili silente sidis laborantaj : la juna knabino apud la petrollampo, avino Renske apud la antikva, malŝatinda oleolampeto.

* * *

Ĉu estis la maljunaĝo.... aŭ la distranta influo de tiuj novaj, nekonitaj aferoj ĉirkaŭ ŝi ? Ŝajnis al Emenjo kvazaŭ avino Renske ne plu tiel konstante kaj tiel fervore laboris kiel antaŭe. La ŝpinrado zumis kelkafoje pli mallaŭte kaj pli malrapide, kvazaŭ ĝi estus laca, kvazaŭ ĝi estus venkita de la tro rapida frapetado kaj zumado de la brilanta kudromaŝino. Vespere precipe tio ŝajnis malfaciliĝi ; kaj kiel ajn proksime avino Renske ŝovis la oleolampeton apud la stupofaskon, estis tamen la hela brilo de la petrollampo kiu lumigis ŝian laboron, kiu ĝenis kaj samtempe allogis ŝin, kiu de tempo al tempo, malgraŭ ŝia forta volo, en nekontraŭstarebla trudpenso, igis ŝin returni sian nerve skuitan kapon al la belega lumo, kiel al sunradio.

Emenjo, kiu bone rimarkis la lacan turmenton de sia avino, diris al ŝi :

« Sed, avino Renske, se mi estus vi, mi tamen ne plu volus ŝpini. Vivu nun komforte, mi ja laboros por vi. »

Sed pri tio la obstina maljunulino ne volis aŭdi. Tuj la radŝpinilo moviĝis kelkan tempon tiel rapide kiel antaŭe, dum ŝi kun energia kapskuo respondis :

« Mi, ne plu ŝpini ! Ne, ne, infano, tio ne povas esti ! Mi mortus se mi me plu ŝpinus. »

* * *

Emenjo havis amaton. Ĉiun dimanĉon, post la posttagmeza diservo, ŝi renkontis lin apud la elirejo de la preĝejo. Estis bona junulo, ankaŭ tajloro, kiu edziĝos je ŝi kiam avino Renske estos mortinta. Avino Renske sciis pri tiu interrilato kaj ĝin aprobis, ŝi tamen preferis ke la amanto ne venu en la hejmon.

Estis Kristnasko. Malproksime super la malvarmaj vintrokampoj, malgaje grizaj aŭ nigreverdaj sub la uutoneca griza, nebula ĉielo resonis melankolie ĥante, la bruo de l'sonoriloj. Emenjo, foririnta je la duono de la dua, estis promesinta reen hejmiĝi, kiel kutime, je ekvesperiĝo.

Ŝi revenis kun sia amanto en la duonlumo laŭ la dezertaj vojoj, kaj apud la barilo de la fruktĝardeneto, kie li kutime forlasis ŝin, ili adiaŭis ĝis la proksima dimanĉo, kiam Emenjo, ekrigardante la dometon, kun miro ekkriis :

« Ho !... vidu !... mia petrollampo brulas !... ĉu eble iu estus veninta aŭ ĉu avino Renske mem estus ekbruliginta ĝin? »

Hela lumradio ja brilis trans la dubeverdaj vitretoj. Kaj iu sidis interne, flanke de la fenestreto apud la stebilo.

« Vere !... Ĉu vi volas ion scii !... » kriis Emenjo, kiu flankeniris unu paŝon por pli bone vidi. « Avino Renske mem ekbruligis mian petrollampon kaj ŝi estas laboranta per mia stebilo ! Ĉu mi do denove forgesis ŝlosi ĝin ! Jes, vere !... mi forgesis depreni mian ŝlosilon ! mi esperas ke ŝi ne estas difektinta ĝin !

« Ha, tio valoras la penon ! » ridante diris ŝia amanto, kiu siavice iris paŝon pli proksimen por vidi.

« Mi tamen timas ke ŝi ion estas difektinta, mi senprokraste eniras ! » zorgplene diris la knabino.

Ili rapide adiaŭis, kun mallonga interkiso kaj dirante : « Do, ĝis dimanĉo, Julio ! Do, ĝis dimanĉo, Emenjo ! »

*
* *

« Ha, tio ĝojigas min, avino Renske ! » kriis la junulino, iom ekscitita enirante. « Nu, ĉu ne estas plezuro labori per ĝi !... » Avino Renske, profunde antaŭenklinante la kapon, kvazaŭ ŝi serĉis pene la trueton de l' kudrilo, ne donis respondon, ne faris movon.

« Sed, avino Renske, » kriis la knabino, plej mirigita pro tiu neatendita spektaklo... sed subite, trafita de malfeliĉiga antaŭsento, ŝi kuris al la maljunulino kaj kaptis ŝian manon.

Kun akra ekkrio, ŝi malantaŭenkuris, rapidis el la hejmo kriegis al Julio... Julio !... Julio ! .. per sovaĝe-timplena,akra voĉo.

Li ne jam malproksime estis, li maltrankvile rekuris kun is en la domon kun ŝi, rapidis siavice al la maljunulino....

Avino Renske estis kadavro.... Ŝi subite estis mortinta tie, sidante antaŭ la stebilo, tenante la manojn ĉe la kudrilo kaj la piedojn sur la pedaloj, subite mortinta apud tiuj fremdaj ne kompreneblaj aĵoj de la nova vivo, je la plej lasta momento de scivolo, al kiu iu ĉiupova sento de novaĵavideco, miksita de timo, iom post iom estis ŝin nekontraŭstareble kondukinta.

Kun afabla permeso de l'aŭtoro,
Tradukita de Francisko Delgarbo.
Novembro 1913.

---

# BIBLIOGRAFIO

**Orienta Almanako** el la lingvoj araba, armena, ĉeĉena, hebrea, hinda, hina, japana, kartvela, lezgina, sanskrita kaj tatara ; kun antaŭparolo de B. Kotzin. — Esperanta Librejo, Moskvo. — Prezo 0,950 Sm. afrankite sendita.

Enhavas 17 tradukojn de literaturaĵoj el la diversaj orientaj lingvoj. Tre interesa libro, kies legadon ni varme rekomendas.

**E. Neumann & Co, Kaiserstrasse, 5, Dresden.** — Katalogo de kotilonaĵoj, karnavalaĵoj, maskaj kaj teatraj kostumoj, iluminaciaĵoj kaj dekoraciaĵoj. Eldonejo de teatraĵoj.

Tiu nova katalogo nuligas la antaŭe aperintajn prezarojn. O. V. S.

Miguel ZAMACOÏS.

# LA AMUZISTOJ

(LES BOUFFONS)

## Kvarakta teatraĵo en versoj

TRADUKITA DE

D-ro W. VAN DER BIEST

### Dua Akto.

*La scenejo prezentas alian ĉambron de l'kastelo, kiu estas ankaŭ tre malbone konservita; kelkaj restaĵoj de murpentraĵoj kaj de oraĵoj montras, ke ĝi iam estis pli lukse dekoraciita. Dekstre, oblikve, granda fenestro, tra kiu oni vidas la kamparon. Maldekstre, antaŭe, pordo kondukanta al la ĉambraro de l'Barono ; malantaŭe, alia pordo, kondukanta al la vestiblo. La ĉambro estas tute ornamita per flor- kaj foligirlandoj. Maldekstre, iom malantaŭe, granda apogseĝo sur ŝtupo, flanke de kiu estas seĝeto. Kontraŭe, ligna benko kun dorsapogilo. — Je la levo de l'kurteno, Juliano, sur ŝtupetaro, alpendigas ĉe la muron la lastan girlandon, kies ekstremaĵon Jakobo kaj Petro tenas.*

**SCENO Ia.**

**Vulkano, Jakobo, Juliano, Petro.**

VULKANO, *direktante la laboron.*

Pendigu ĝin pli alten... Ne, ne tiom...
Nun estas tro. . Mi vidu... Bone nun.
Tapetojn flandrajn oni ne bezonas ! ..
Koloroj belaj ! Kiu estas tiu
Malgranda floro preskaŭ diafana ?

JAKOBO.

Klemato.

VULKANO.

Kaj la jena foliaĵo
Kun blonda, dolĉa brilo, kie oni
Ĝin trovas ?

JAKOBO.

Ĉie, ĝi lupolo estas.

VULKANO, *post lasta rigardo.*

Tre bone. Nun forprenu la foliojn
Kaj florojn, kiuj kuŝas tere, kaj
La ŝtupetaron portu for. Vi poste
Vin armu, kaj revenu, kiam pretaj
Vi estos.

*Rigardante la foliaĵan dekoracion.*

La impres' bonega estas.

*Olivero eniras ; li aspektas tre priokupata.*

**SCENO IIa.**

**Vulkano, Olivero.**

VULKANO.

Nu, Oliver', ĉu la dekoracio
Ne estas admirinda ? Jen klemato
Kaj jen lupolo... Nia tapetisto
La valo estas !

OLIVERO.

Kia ĝojo estas
Veluron ĉerpi ĉe kreskajbariloj !

VULKANO.

Ĉu tio ne pli bona estas, ol
Plej belaj ŝtofoj ?

OLIVERO, *priokupate.*

Diru, ĉu ĝis nun
Ni havas nur tri amuzistojn ?

VULKANO.

Tri.
Ĉi flanke ili estas ; je l' mateno
Hodiaŭ ili venis kun pakaĵoj.

OLIVERO, *aparte, tre maltrankvile.*

Se miaj du junuloj ne revenus !
Se ili.. !

*Al Vulkano.*

Tre malmulte estas tri !

VULKANO.

El ili, unu estos taŭga.

OLIVERO, *aparte.*

Ve !
Se malgraŭ sia nomo, sia bela
Vizaĝo kaj eleganteco, ili
Min amuzi malbonŝerce moki volus ?

*Al Vulkano.*

Ĉu sur la voj' neniu venas ?

VULKANO, *apud la fenestro.*

Ne,
Neniu.

OLIVERO, *aparte, pli kaj pli maltrankvile.*

Se ne venus ili ! Dio !
Ĉi tie resti kun tri amuzistoj
Ne edziĝontaj ! Vana mia revo !
Kaj ŝi, Solanĝo kompatinda, sen
Reĝido Ĉarma ! Ve, neniam mi
Pasigis tiel malĝojigan horon !

*Al Vulkano.*

Ĉu vi rigardis bone ?

VULKANO.

Vidu mem !

OLIVERO.

Tri amuzistoj ne sufiĉas ! Ni
Bezonus... du aliajn ! Ĵus mi ilin
Aŭskultis, dum mi preterpasis ; ili
Nenion tre amuzan diris ! Certe,
Jen amuzistoj, kies ĝojo estas...
Malĝoja ! Ne, neniu el la trio
Por esti amuzisto taŭgas, ĉar
La nia devas esti superbona !

*Aparte.*

Ja estas por fariĝi edzo !

*La Barono eniras maldekstre.*

**SCENO IIIa.**

**Vulkano, Olivero, la Barono.**

VULKANO,

*montrante al la Barono la folidekoracion.*

Moŝto,
Rigardu !

LA BARONO.

Kiaj belegajoj !

VULKANO.

Jes,
Artistoj estas ĉiuj Firenzanoj !

LA BARONO.

Necese estas, ke ni ne aspektu
Malriĉaj, pro malfacilaĵoj tute
Nedaŭraj... Kion faras Olivero
Jen ĉe l' fenestro, kial rozario
Kaj krucosignoj ?

OLIVERO, *ne interrompante siajn krucosignojn.*

Moŝto, ni nur havas
Tri amuzistojn, tri, nur tri !

LA BARONO.

Vi preĝas,
Por ke aliaj venu ?

OLIVERO.

Jes.

LA BARONO.

Nu, bone.
Sed oni jam preparu ĉion por
Solene tuj ĉi tiujn tri akcepti.

*Vulkano eliras en la fundo.*

**SCENO IVa.**

**Olivero, la Barono, *poste* Nikolo.**

LA BARONO.

Tri amuzistoj nur ! Nu, eble unu
El ili taŭgos... Sed antaŭe diru,
Ĉu al ofico sia nuna jam
Nikol' alkutimiĝis, nia nova
Guvernistino-akompanantino ?

OLIVERO.

Jes. Oni nun ŝin vestas bone kaj
Ŝin kombas, ofte mi instruas ŝin,
Kaj ŝi pli bone jam sintenas kaj
Parolas. Certe, iomete stranga
Ŝi restis, sed ŝi ne plu tiel bruas
Manĝante. Tuj vi juĝos ŝin.

*Li malfermas la fundan pordon kaj anoncas kun komika soleneco.*

Nikolo
de Ramponneau, nobela sinjorino !

*Nikolo aperas, tute ĝenata de siaj sinjorinaj vestoj.*

LA BARONO, *al Nikolo, ekzamenante ŝin.*

Ĉu al vi plaĉas viaj novaj vestoj,
Nikolo ?

NIKOLO, *malbonhumore*

Kiam oni ĉion tion
De mi forprenos, fine ? Kiam mi
Demeti povos tiun ĉi mokindan
Kirason ?

LA BARONO.

Altvalora estas ĝi !

NIKOLO.

Jes, eble, sed ĝi ĝenas min ; mi estis
Pli bona en malnovaj miaj vestoj,
Ol en kolum' ameliĝita jena !
Manikoj miaj min doloras, kaj
Min ĝenas mia jupo ; mi ne povas
Respiri, sed mi ŝvitas, mi faletas ;
Mi vane serĉas mian poŝon ! Moŝto,
Redonu mian eluzitan veston,
Ĉar mi similas homvestitan beston !

LA BARONO.

Ĉu vi protestas ? Akompanantino
De la fraŭlino vi fariĝas, kaj
Vi plendas ! Tro multpeza estas via
Korseto ligna kaj velura jupo !
Jen via danko pro la ŝajno de
La nobeleco, kiun vi ricevis !

NIKOLO, *malkontente.*

Mi sciis ne, ke nobeleco tiel
Multpeza estas !

OLIVERO, *al Nikolo, kiu plenumas kun komika mallerteco liajn ordonojn.*

Ba ! vi kutimiĝos !
La manojn krucu... Iru nun antaŭen...
Por Lia Moŝto faru riverencon...
Forigu la amindumantojn per
Rigardo... Bone. Ne tro ŝovu viajn
Piedojn sur la kahelaro.

LA BARONO, *amuzite.*

Nu,
Reiru apud la fraŭlinon. Certe
Vi lernos la nobelajn manierojn !

NIKOLO, *eliras en la fundo, levetante sian jupon por marŝi pli facile.*

Sed mi preferus lavi la telerojn !

**SCENO Va.**

**Olivero, la Barono, *poste* Vulkano, Jakobo, Juliano *kaj* Petro, *armitaj kiel gvardiistoj, poste* Hilaro, Baroko *kaj* Johaĉjo.**

OLIVERO, *aparte.*

Ĉu ĝis la fin' mi ludos komedion ?

LA BARONO.

Do, komprenite : jen la gvardiistoj,
Starantaj ; la tri amuzistoj sidos
Sur tiu benko ; mi tra tiu pordo
Eniros kun la sekvantar'. Vulkano
Min voku.

*Li eliras maldekstre.*

OLIVERO, *sola.*

Ĉio tio por la du
Nobeloj, kiuj venos ne !

*Li malfermas la fundan pordon kaj diras al Vulkano, kiu aperas :*

Ĉu vi
Pretiĝis ? Loku ĉiujn laŭordone.

*Vulkano iras al la funda pordo. Bruo de disputo: Juliano kaj Petro interdisputas, ĝenitaj de siaj armiloj.*

VULKANO.

Nu, kio nun ?

JULIANO.

Li min kripligis preskaŭ,
Ĉar li faligis sian lancon sur
Piedon mian !

VULKANO, *rektigante la halebardojn, kiujn la servistoj mallerte tenas.*

Sensprituloj, ĉiuj !
Tuj mi vin punos ! Vi ĝin tenas, kiel
Kandelon — jen ! —, vi kiel vipon — jen !—

OLIVERO, *apud la fenestro.*

Neniu ĉe la horizonto !

VULKANO, *enirigante Hilaron, Barokon kaj Johaĉjon.*

Vi
Sidiĝu tie, amuzistoj ; kiam
La Moŝt' eniros, vi stariĝu.

*La tri amuzistoj eniras laŭvice : Hilaro, malgajega; Baroko, afablaĉa ; Johaĉjo, stultega, kun ruĝa vizaĝo kaj malfe mita buŝo. Vulkano eliras maldekstre. La tri amuzistoj sidiĝas sur la benko.*

HILARO, *malĝojege.*

Heŭ,
La ĉambr' odoras je malseko...

BAROKO, *ekzamenante la ĉambron.*

Ne
Je riĉegeco !

JOHAĈJO, *per vilaĝana tono al Juliano, kiu, senatente, lin tuŝetis per sia halebardo.*

He, atentu ! preskaŭ
Krevigis via lanc' okulon mian !

BAROKO, *malŝate.*

Ne fluas la Paktolo tie ĉi !

VULKANO, *sur la sojlo de la maldekstra bordo, tenante sian spadon, solene anoncas :*

Barono Engerando de Mautpré !

*Vulkano antaŭenmarŝas kaj sin lokas apud la benkon de la amuzistoj, al kiuj per malafabla gesto li ordonas, ke ili stariĝu. La Barono solene eniras, tenante la manon de Solanĝo ; Nikolo, funkcianta kiel akompanantino, ilin sekvas. Dum la Barono kaj Solanĝo pasas antaŭ la amuzistoj, Nikolo sidiĝas sur la apogseĝo, kiun la Barono trovas okupata je sia alveno ; post signo de sia malkontentigita mastro, Nikolo stariĝas kaj sidiĝas sur la seĝeto rezervita al Solanĝo ; nova signo de l' Barono ; Nikolo fine okupas sian bonan lokon, malantaŭ la Barona apogseĝo. Ĉiuj sidiĝas.*

**SCENO VIa.**

**La samaj, la Barono, Solanĝo, Nikolo.**

OLIVERO, *aparte, dum ĉiuj sidiĝas.*

Ĉar mia plano malsukcesis, mi
Nun devas peli for la senutilajn
Tri amuzistojn, kiuj kiel edzoj
Ne taŭgas.

*Al la Barono.*

Ĉu bonvolas Via Moŝto
Permesi, ke la jenaj histrionoj
Parolu ?

LA BARONO.

Mi bonvolas. Siajn konojn
Nun ĉiu montru.

OLIVERO, *al Johaĉjo.*

Vi, unue.

JOHAĈJO, *stulte.*

Moŝto,
Johaĉjo estas mia nomo ; mi
Neniam kiel amuzist' funkciis,
Sed mi tre sprita estas ! Mi ne havis
Laboron, kaj Antonjo, Manjo, Henjo,
Knabinoj en vilaĝo mia, diris,
Ke eble mi utila povos esti
Al vi.

OLIVERO.

Por kion fari, sensprititulo ?

JOHAĈJO.

Por vin amuzi !

OLIVERO, *mallaŭte, al la Barono.*

Tiu ĉi jam estas
Juĝita !

LA BARONO.

Sed se li amuza estus
Pro sia senspriteco mem !

*Al Johaĉjo.*

Kaj kial,
Johaĉjo, la knabinoj amas vin ?

JOHAĈJO, *kun stulta rido.*

He, Via Moŝto, ĉar mi ilin pinĉas !

OLIVERO, *al la Barono, dum ĉiuj mokas Johaĉjon.*

Resendu lin al Manjo kaj Antonjo,
Sinjoro ! Li eĉ ne valoras, ke
Vi nutru lin !

LA BARONO.

Ba ! restu tamen li
Monaton.
*Al Baroko.*
Vi !

BAROKO, *prezentante sin.*

Sinjoro, certe vi
Jam ofte aŭdis pri Barok' paroli !
Mi estis, antaŭ ol ĉi tien veni,
Dek jarojn la ridego de Firenzo !

VULKANO, *subite stariĝante.*

Vi diras : de Firenz'... Ĉu Firenzano
Vi estas ?

BAROKO.

Certe.

VULKANO, *ravite.*

Tial, vin vidante,
Mi pensis tuj : jen taŭga amuzisto !
Li havas ion, kion la ceteraj
Ne havas ! Rememoras mi, «per Bacco !»
Pri fama amuzist', Barok' nomata !

*Li ĉirkaŭpremas lin kun amelmontro, kaj laŭte, rapide, kun li italalingve interparolas.*

«Hé, buon giorno ! mi caro ! Come sta ?»

BAROKO.

«A meraviglia !»

VULKANO.

«Godo di vederla !
Baroco, come va la sua famiglia ?»

BAROKO.

«Per la grazia de Dio, sta bene tutta.»

VULKANO.

«Come le piace il paese, Baroco ?»

LA BARONO, *tusante por haltigi tiun interparoladon.*

Hm !

BAROKO, *al Vulkano.*

«Questo paese ?....»

OLIVERO.

Hm !

BAROKO.

«... è magnifico !»

LA BARONO.

Ne nun interparolu !.. Ni daŭrigas
La aŭdiencon.

VULKANO, *miregante.*

Kial aŭdiencon ?
Ĉar Firenzan' li estas, li do estas
La plej afabla, la plej ĉarma, la
Plej sprita kaj la plej amuza ! Tiuj
Du mizeruloj tuj foriru, ĉar
Li estas Firenzan' : sufiĉas tio !

LA BARONO, *al Baroko.*

Kaj kie servis vi ?

*Ĉar Baroko iom ŝanceliĝas, Vulkano respondas anstataŭ li.*

VULKANO, *vivece.*

Ĉe Polignac !
Ĉe Lorenzino ! Ĉe Cossé-Brissac !

LA BARONO, *al Baroko.*

Kaj kial vi forlasis tiajn mastrojn ?

BAROKO.

Ĉar ili havis pli da avoj, ol
Da mon'.

OLIVERO, *mallaŭte, al la Barono.*

Ĉi tiu estos tre multkosta !

LA BARONO.

Ni provos tamen lin.
*Al Hilaro.*
Kaj vi, la lasta ?

HILARO, *malĝojeĝe.*

Sinjoro, malgraŭ ŝajna malgajeco,
Hilaro oni nomas min... Mi estas
Tre gaja ĝenerale, petolema,
Amuza, sprita... sed de kelkaj tagoj
Mi havas gravajn familiajn zorgojn...
Mi provos tamen ĉiam bonhumora
Aspekti.

OLIVERO, *al la Barono.*

Kial havi amuziston
Malgajan ?

LA BARONO.

Plilongigu li la liston !
*Al la amuzistoj.*

Por ke mi povu vin kompari unu
Kun la alia, ĉiuj tri vi restos
En mia domo dum monato.

VULKANO, *kolere.*

Kiel ?
Vi ne distingas de l' stultulo jena
Kaj de la jena hipokondriulo
Firenzan amuziston bonvolantan
Okupi sin pri vi ! Ĉi tio estas
Insult' al mi !

OLIVERO, *aparte, irante al la fenestro.*

Li volas lin altrudi !

VULKANO.

Almenaŭ, se la konkurantoj ian
Valoron havus, kiel kat' ludanta
Kun mus', Baroko dirus ian ajn
Spritaĵon, kaj venkitaj ili estus ;
Sed ambaŭ konkurantoj estas tute
Mokindaj : unu estas malgajulo,
Alia estas bruto !

*Al Hilaro kaj Johaĉjo, teruritaj.*

For, vi ambaŭ !

*Al Baroko.*

Baroko, vi restadas. La afero
Juĝita estas,

OLIVERO,
*tre emociite kaj forlasante la fenestron.*

Haltu ! haltu ! jen
Du amuzistoj ! du malfruiĝintaj !

*Aparte.*

Ho, Sankta Virgulin', se ili estas
La atenditaj Moŝtoj, kiel belan
Kandelon... !

*Al la Barono, emociite kaj ĝojplene.*

Via Moŝt', bonvolu ilin
Akcepti ! Ho, ilia eksteraĵo,
Mieno, sintenado, ĉio estas
Amuza, sprita ! Amuzist' neniam
Aspektis tiel... amuzista !

VULKANO.

Ilin
Barok' ne timas !

BAROKO, *aparte.*

Sed se ili estus
Amuzaj ?

OLIVERO, *same.*

Se malspritaj ili estus ?

SOLANĜO, *amuzite.*

Movado jena min amuzas ; tio
Bonega estas !...

*Pli serioze, rememorante, ĉar ŝia patro ŝin rigardas, ke ŝi devas ludi rolon.*

... por min resanigi.

OLIVERO, *antaŭenirante.*

Jen ili estas.

*Aparte.*

Estas la junuloj !
Nun, se amuzaj ili estas, Sankta
Jozefo, tri kandelojn !

## SCENO VIIIa.

**La samaj, Renato (Ĵakaso), Roberto (Narciso).**

*Ĵakaso (1) kaj Narciso eniras. Oni kun intereso ilin rigardas Ili elegante salutas la Baronon, Solanĝon, poste ta l·tan ĉeestantaron. Vulkano ilin maiŝate ekzamenas.*

LA BARONO, *severe.*

Eble mi
La sonoriloj̇n devis sonorigi
Por vin venigi ?

ĴAKASO.

Moŝto, ne riproĉu !
Ĉu ne sufiĉe estas ni punitaj,
Konatiĝinte pli malfrue kun
Mentor'... kaj la Gracioj ?

OLIVERO, *aparte, kontente.*

Bone li
Respondis !

(1) La franca verbo *jacasser* signifas *parolaĉi kiel pigo.*

LA BARONO, *flatite kaj trankviligite, al Solanĝo.*

La Gracioj kaj Mentoro...
Solanĝo, estas ni... Li elokvente
Parolas !

*Al la lastalvenintoj.*

Diru, kiuj estas vi !

NARCISO, *antaŭenirante kaj salutante kun nekomparebla gracio.*

Mi estas, Moŝt', Narciso de Bellaître,
Plej fama amuzisto, ne nur sprita,
Sed ankaŭ Apolone bela. Ĉar
La sprito ne sufiĉas ! La okulo
Postulas ankaŭ ion : ĝi deziras
Elegantecon ! Kial amuziston
Malbelan dungi, kiu la vidaĵon
De park'aŭ de peron' sengraciigas ?
Ĉu ne por plaĉi al okuloj oni
Sur balustradon lokas belan pavon ?
Pli bone estas ĉarman amuziston
Alpreni, kies korp' harmoniiĝas
Kun la ĉirkaŭaj formoj, kiu pordon
Ornamas, al fontano vivon donas,
En laŭb' aperas ĝustatempe, ĉe
Kolon' kubutapogas kun gracio
Kaj kiu, ĉiam bela, eleganta,
Aspektas kvazaŭ marmoraĵ' marŝanta !

*Li forĵetas sian mantelon kaj ege eleganta aperas Lia beleco kaj lia eleganteco naskas ĉe la kunestantoj admiran zumeton.*

OLIVERO, *aparte.*

Jen amuzisto, kiu certe multe
Da koroj rabos.

SOLANĜO, *al sia patro.*

Kiom estas li
Gracia !

NIKOLO, *admirante.*

Di' de Dio, jen belulo !

NARCISO.

Fi, buŝ' malbela, mirindaĵojn eĉ
Diranta ! Antaŭ la oreloj, la
Okuloj ja perceptas ! Ora ringo
La perlon plibeligas, kaj la vino
Pli bona ŝajnas en kristala glaso !
Ĉu ie sur piedestalo staras
Patroklo kripla aŭ Aĥil' kurbkrura ?
Ĉu sur pentraĵo Apolono lama
Troviĝas, Adoniso straba aŭ
Venus' senkarna ? Ĉu la babilado
De papageto multkolora, gaja,
Saltanta kun graci', ne estas pli
Agrabla, ol kriad' de iu peza
Papago griza ? Moŝt', okulon kaj
Orelon vian mi deziras ĉarmi ;
Mi volas esti via papageto :
Akceptu min, jen mia kora peto !

OLIVERO, *rigardante Vulkanon kun ironio.*

He, ne malbona estas tio !

VULKANO, *malafable.*

Ni
Postulas amuziston, ne belulon !

NARCISO, *rigardante Vulkanon de la piedoj ĝis la kapo.*

Sufiĉas vin rigardi, por kompreni.
Ke devas eĉ la vort' belec' vin ĝeni !

VULKANO, *kolerante kaj eligante sian ponardon.*

Vi diras ?

OLIVERO, *ierurite kaj intermetiĝante.*

Amuzistoj estas tre
Liberaj : ridetante ili diras...

NARCISO.

Verajojn !

*Olivero haltigas Vulkanon, kiu ree volas sin antaŭen ĵeti.*

LA BARONO, *kiu intermetiĝas siavice.*

Eĉ la reĝoj ne indignas
Pro ŝerc' de sia amuzisto : Reĝon
Franciskon ofte mokis Triboulet !

*Vulkano ŝanceliĝas. Ĝenerala maltrankvileco.*

OLIVERO, *aparte.*

Mi tremas !

SOLANĜO, *same.*

Dio !

NIKOLO, *same.*

Kiel li koleras !

VULKANO, *majeste.*

Ĉar Reĝ' Francisk' toleris... mi toleras !

*Li remetas sian ponardon en la ingon, je ĉies granda trankviligo.*

SOLANĜO, *mallaŭte.*

Lin tute ne timigis la ponardo !

OLIVERO, *same, al Solanĝo.*

Kuraĝa estas li !

LA BARONO, *al Ĵakaso.*

Nun vi parolu !

ĴAKASO, *antaŭeniras kaj salutas la ĉeestantaron.*

Paroli laŭde mem pri si
Kun granda gesto kaj grimaco
— Jen estas mia opini' —
Insulto estas al sagaco
De Via Moŝto : kun konsci'
Kaj ne laŭ nia vortfrakaso
Vi juĝos nin ; kaj nun, jen mi,
La amuzist' Ĵakaso !

Sinjoroj, ĵuris mi per Di',
Ke sen armilo, sen kiraso,
Nur dank' al mia fantazi',
Mi el kastelo kaj teraso
Vin pelos for de tie ĉi.
Ne timu : ploros pri l'forlaso
Nek la Barona famili'
Nek amuzist' Ĵakaso !

Ridetu ne kun ironi',
Ne vana estas la minaco ;
Al vi ne restu iluzi' :
Post la monat', kapitulaco !
Jen mia sola ambici' !

Sukcesos mi, sen preterlaso,
Kaj vi verdiĝos pro envi'
Al amuzist' Ĵakaso !

Mielon ĉerpas papili'
El ĉiu flor', laŭ sia plaĉo ;
De roz' ĝi flugas al lili'.
Tutsame, rido aŭ ridaĉo
Aŭ kant', en kiu ajn naci',
Ĉe ĉiu gent', ĉe ĉiu raso,
Rabitaj estas kun rabi'
De l'amuzist' Ĵakaso .

Por mi, paroli pro, por, pri,
Ne estas kaŭz' de embaraso ;
Rakontojn pri milit', magi',
Mi konas, pri vojaĝ' kaj ĉaso
Ĉu al vi plaĉas idili'
Aŭ, ĉar mi estas bona baso,
Prefere eble melodi'
De l'amuzist' Ĵakaso ?

De l' ver' amanto kun pasi'
Kaj poetaĉ' de tria klaso,
Malgranda eble estas ĝi,
Sed trinkas mi el *mia* glaso !
Kaj nun, Sinjor', min konas vi,
Vi ankaŭ, amuzistamaso !
Rigardu bone min ! Jen mi,
La amuzist' Ĵakaso !

*Ĉiuj ĉeestantoj, surprizitaj de tiom da ĝojplena parolrapideco, rigardas unu la alian.*

OLIVERO, *ravite, al la Barono.*

Ĉi tiu vir' ne estas malspritulo,
Ĉu ne ?

LA BARONO.

Li min konfuzas !

BAROKO, *al Vulkano.*

Tiu ĉi
Danĝera estas ! Li ne estas homo,
Sed parolanta muelil' !

VULKANO.

Ni vidos !
Suspektas mi, ke la improvizaĵo
Lernita leciono estas !

SOLANĜO, *al Olivero.*

Sprita
Li estas, Olivero !

NIKOLO.

Kiel tiom
Da vortoj li samtempe povas havi
En sia kapo ?

VULKANO, *al Baroko.*

Nun parolos mi !

*Al Ĵakaso.*

Sinjoro, kiom da memoro estas
En tio, kion vi deklamis ?

*Al Baroko.*

Nun
Aŭskultu !

ĴAKASO, *tre proksime al li.*

Da memoro ? Tre malmulte...

Memor' al mi ja mankas tute : mi
Ne rememoras plu, en kiu loko
Kaj kiam mi vin vidis, ĉu dum iu
Batal', pro tim' tremantan, ĉu dum mi
Vizitis la galerojn de la Reĝo !

*Ĉiuj mokas la konfuzitan mienon de Vulkano.*

VULKANO, *minacante.*

Se vi ne estus amuzisto...!

SOLANĜO, *terurite.*

Dio !

OLIVERO, *aparte.*

Mi tremas !

VULKANO.

Mi elŝirus vian langon !

ĴAKASO.

La lang' por amuzisto estas, kiel
La spado por bravulo, por abelo
La pikilet', por koko la ungeto !
Ĉe la skermad' spritluda, rapiristo
Venkata estas de fantaziulo,
Kaj senbrakul' eĉ povas vundi la
Memamon kaj fieregaĉon !

*Li turnas subite sian dorson al Vulkano kaj alparolas la Baronon kaj Solanĝon.*

Moŝto,
Nun mi forjetas mian ironion
Por esti de l'mateno ĝis la nokto,
De vi kaj de l'fraŭlino bionda jena,
La histriono,la pantomimulo,
La astrologo, la simio, la
Sorĉist', la grimacema Ĝilo, la
Pajaĉo stulta, la maskul' ridiga,
La fadenpup', la babilema sturno,
La kolportist' de saĝ' aŭ de malsaĝo ;
Mi volas rejunigi la kastelon,
Rozkolorigi ĝiajn grizajn murojn ;
Fervoro mia nun ne estas plu
Fervor' deviga de servist' pagata,
Ĝi estas nun donaco propravola.

*Sin turnante al Solanĝo.*

Fraŭlino, ĉe piedoj viaj mia koro
Nun kuŝos ; al vi plaĉi estus tia gloro
Por ĝi, ke ĝi forlasas mian bruston jen,
Por esti por piedoj viaj nun kusen'.
Rigardon dolĉan sur kusenon tiun ĵetu,
Komforte la piedojn viajn sur ĝin metu ;
Ŝveligis ĝin feliĉdeziroj, amaj petoj :
Tre granda estos ĝi por tiaj piedetoj !

SOLANĜO, *rozkolora pro ĝojo.*

Mi dankas vin... Neniam oni tiel
Ĝentile alparolis min ĝis nun !

OLIVERO, *mallaŭte, al la Barono, kiun feliĉigas la ĝojo de lia filino.*

Jen la rimedo por ŝin resanigi.

LA BARONO, *al Olivero.*

Ĉi tiuj amuzistoj estas taŭgaj !

VULKANO, *aparte, maltrankvile.*

Al la diablo, tiu babilulo !

NIKOLO.

Li havus multe da sukces'en mia
Vilaĝ' !

ĴAKASO.

Fraŭlin', mi estis tiel certa
Ke vi akceptos min, ke mi brodigis
Sur mian veston la blazonon de
Mautpré, kun la grifbird' duobla. Jen !

*Li demetas sian mantelon, kaj sin montras vestita per blazonumita brustvesto. Unu el liaj ŝultroj estas iom pli alta ol la alia. Oni miras kaj ridas.*

VULKANO, *ekvidante tiun kripleco*n.

He, he ! Sinjoro, tio, kion vi
Jen portas, estas ĝib' !

BAROKO, *mokante.*

Sinjor' Ezopo !

ĴAKASO, *tre proksime al li, dum ĉiuj vidvole lin rigardas.*

Ezopo, jes ! Kaj kiam mi ĝin volas
Azen' kaj meleagro tuj parolas !

OLIVERO, *aparte, kun bedaŭro.*

Jen stranga ornamaj' por iu, kiu
Edziĝi volas ! Je l'unua lia
Vizito li ne havis ĝibon...

SOLANĜO.

Mi
Bedaŭras, Oliver', ke viro tiel
Inteligenta havas korpon kriplan !

VULKANO, *mokante.*

Mi kredas nun je la metempsikozo :
Li de kamel' konservis ion !

*Oni mokas Ĵakason.*

JOHAĈJO, *stulte.*

Sako
Ĝi estas por spritaĵoj liaj !

VULKANO.

Monto !

BAROKO.

Ne monto, tumuluso !

NIKOLO.

Mi preferas
Junulon belan, eĉ ne tiel spritan !

OLIVERO, *al si mem.*

Sed kial... ?

JAKOBO.

Ne, ne estas bela tio !

JULIANO.

Ho, ne !

VULKANO.

Sinjor', vi estis tute prava,
Ĉar antaŭ ol vin montri, vi parolis !

ĴAKASO, *kun aŭtoritato, kaj altrudante silenton al la bruaj mokadoj.*

Permesu ! Mian ĝibon malbonaĵo
Vi nomas ? Mi, se mi ne havus ĝin,
Bedaŭrus tion ! Mi bedaŭras eĉ,
Ke mi ne havas du ! Kaj se proponus

Rektigi mian dorson Majstr' Ambroz'
Paré, mi petus, ke li mian ĝibon
Ankoraŭ pligrandigu ! Se la ĝibo
Laŭkvante estus aĉetebla sur
Vendejoj, mi da ĝi sufiĉe prenus
Por dekobligi mian ! Ĝibo, ĝibo !
Ĉu vi ne scias, ke ĝi donas ŝancon ?
Multfoje belaj junulinoj per
Ridet' ebura kaj karmina pagis
Al mi la rajton meti sian manon
Sur ĝin ! Amantoj kiel skribotablon
Ĝin uzis por konfesi sian amon
Letere ! Ofte spekulaciistoj
Kaj financistoj min petegis, por
Ke ili povu froti mian dorson !
Se volus mi, min igus baldaŭ riĉa,
Sinjoroj, tiu ornamaj' fetiĉa !
Ĉu vi ne scias, ke ĝi ujo estas,
En kiu sprito kaj spirito nestas ?
La sensprituloj diras, ke tuj post
Naskiĝo mia oni lasis fali
Min tra fenestro sur la dorson... Ne !
Jen la klarig'. Mi estis frumatura ;
Du jarojn aĝa mi parolis jam
Greklingve, mi ŝakludis venke, mi
Komponis por la citro, mi eĉ trovis
Erarojn en verkar' de Pitagoro !
— « Li havas », diris mia kuracisto,
« Kokidan korpon, sed spiriton aglan !
Se nur ne krevos lia kapo, ĉar
Enhavas ĝi la cerbon de Sokrato ! »
Nu, iun tagon, la patrino mia,
Vestante min, sur mia dorso trovis
La konveksaĵon, kiun mia cerbo,
Ne plu ĝenata en la uj' krania,
Enloĝas nun. Jen historio mia !

VULKANO, *al Baroko, dum la ĉeestantoj ridas pro la spriteco de Ĵakaso.*

Baroko, la diablo helpas lin !

OLIVERO, *admirplene.*

Jen Demosteno edukita de
Ulis' !

VULKANO, *al Baroko, mallaŭte.*

Ne plu atendu : lin konfuzu
Per unu vorto !

BAROKO.

Bone.

*Al Ĵakaso.*

Babilema
Sinjoro, kion vi konkludas el
Pledado via ?

ĴAKASO.

Ke ne havi ĝibon
Sign' estas de foresto de la saĝo,
Ke via cerb' en sia ujo, kiel
En tintileto metalero, dancas !

BAROKO, *kolere.*

Li min insultas, mi...

ĴAKASO, *mokante.*

Mi ne vin timas :
Mi ne Tersit', vi ne Aĥilo estas !

VULKANO, *al la Barono.*

Li ankaŭ vin insultas !

ĴAKASO.

La kvalito
Pli grava estas, ol la kvanto : la
Servistoj estas sensprituloj, sed
La cerbon de la mastroj pliriĉigis
La sprit' de dek jarcentoj da praavoj !

VULKANO.

Nu, Moŝto, kion pensas vi ?

LA BARONO.

Mi preskaŭ
Malĝojas, ĉar mi ne ĝibulo estas !

BAROKO.

Ankoraŭ unu vorton... Ĉu mi povus
Ekscii, kial vian lastan mastron
Forlasis vi, kaj kiun malbonagon
Vi faris, kiu kaŭzis, ke li vin
Eksigis ? Nu ?

VULKANO.

Respondu !

ĴAKASO, *per afektita tragika tono.*

Kian ruzon
Envi' al vi sugestis ! Kial vi
Al mi rememorigas grandan kulpon,
La penson, ke mi mem la morton kaŭzis
De mia mastro !

*La timpremita ĉeestantaro pli kaj pli atentas.*

VULKANO.

Ha !

ĴAKASO.

Trafite...

ĈIUJ.

Ho !

ĴAKASO.

Trafite per spritaĵo, kiun mi
Ne plu memoras, mia mastro mortis :
Li pro eksplodo de ridego krevis...
Mi ne novaĵon plu pri li ricevis !

*La aŭskultintaro, ravita, ĝojas pro la konfuzita mieno de Vulkano kaj de Baroko, ambaŭ koleraj.*

LA BARONO.

Sufiĉas.

*Al Vulkano.*

Montru nun al ili la
Loĝejojn. La turnir' tuj komenciĝos,
Kaj post monat' Solanĝo de Mautpré
Elektos sian amuziston.

*Li iras al la fenestro kun Solanĝo.*

OLIVERO, *montrante al Vulkano Barokon, Hilaron kaj Johaĉjon.*

Ili
Ne en la kelon iru !

VULKANO.

La ŝlosilon
Mi kaŝis.

OLIVERO.

Bone. Kie ?

VULKANO, *montrante sian poŝon.*

Tie !

*Sin turnante al la amuzistoj.*

Venu,
Mi montros al vi viajn ĉambrojn.

*Al Baroko.*

Mi
Protektos vin, Barok' !

HILARO, *al Johaĉjo.*

Ĉu oni trinkos ?

JOHAĈJO, *al Hilaro.*

Ĉu oni manĝos ?

HILARO.

Se nur mia ĉambro
Proksima estas al la kel' !

JOHAĈJO.

Se nur
La mia estas apud kuirejo !

*Hilaro kaj Johaĉjo eliras.*

BAROKO, *antaŭ ol eliri, montras al Vulkano Ĵak son kaj Narcison.*

Ĉi tiuj babiluloj estas eble
Danĝeraj !

VULKANO.

Ho, ne timu !

*Ili foriras.*

OLIVERO, *al Ĵakaso kaj Narciso, kun afektita malĝentileco.*

Ambaŭ vi
Meritas ja riproĉojn, ĉar ke
Vi venis tro malfrue !

*Mallaŭte.*

Ne atentu,
Mi tion diris por ŝajnigi... Min
Doloris la paroloj de Vulkano.

NARCISO, *same.*

Mi poste punos lin.

OLIVERO, *same, al Narciso.*

Tre bela, via
Vestaj' !

*Al Ĵakaso.*

Tre bona, via parolado !
Sed kial ĝib' ?

ĴAKASO.

La ĝibo de l'edziĝo.

OLIVERO, *ravite.*

Sinjoroj !... La Baron' rigardas nin...

*Denove afektante malafablan tonon.*

Min sekvu, histrionoj.

*Respektplene pasigante ilin antaŭ si.*

Pasu, Moŝtoj.

*Ĉiuj tri eliras.*

**SCENO VIIIa.**

**La Barono, Solanĝo, Nikolo.**

NIKOLO, *kiu restis izolite sidanta, malbonhumore.*

Ĉu mi demeti povas fine mian
Kolumon, kiu tiklas min, kaj tiun
Korseton lignan ?

LA BARONO.

Sendankemulino !
Ĉu vi bedaŭras viajn lignoŝuojn ?

NIKOLO.

Ne belaj estas ŝuoj dolorantaj ;
Mi pli volonte kuras nudpiede !

*Ŝi eliras.*

**SCENO IXa.**

**La Barono, Solanĝo.**

LA BARONO, *ame, al sia filino.*

Kaj ni ? Ĉu nun vizaĝo via iom
Heliĝos pro l' movad' komenciĝanta ?
Por la birdet', timante la eksterajn
Danĝerojn, mi venigis la arbaron
En ĝian kaĝon. La kvin amuzistoj
La bildo estas de la tuta mondo.
Vi volis festojn, vi nun ilin havos...

SOLANĜO.

Ho, paĉjo !

LA BARONO

Same, kiel tiuj ĉi
Kvin amuzistoj, estas ĉiuj homoj :
Ĉe ĉiuj la beleco de la korpo,
De la eleganteco de Narciso
Ĝis la ĝibdorso de Ĵakaso iras ;
Ilia sprito, de la suno de
Ĵakaso ĝis de nokto de Johaĉjo.
Jes, kvin animoj, kiujn kaŝas kvin
Vizaĝoj, estas miloj da teranoj ;
Sed tiom estas mond' malbela, kara
Solanĝo, ke mi volis ĝin vidigi
Al vi resume. Ĉirkaŭ vi ĝi nun
Turniĝos, por la senriskeco de
Infano sendefenda kaj de patro
Timanta.

*Li kisas ŝin.*

Se vi povus resaniĝi !

SOLANĜO.

Mi fartas iom jam pli bone.

LA BARONO, *forirante, aparte.*

Kiu
Malsana kredus ŝin, kun tiel brila
Vizaĝo ?

*Li eliras post lasta ama rigardo al Solanĝo.*

**SCENO Xa.**

SOLANĜO, *sola, iom malgaje.*

Ne... resumo de la mondo !
Eraro, paĉjo ! Amuzist' ne estas
Fianĉo ! Jes, pli kara, ol hundeto,
Li estas, sed. . sed malpli, ol amiko ;
Kaj jam mi havas dek-sep jarojn... kaj
Duonon !...

*Enpense ŝi iras ĝis la fenestro. Olivero, Ĵakaso kaj Narciso senbrue eniras.*

**SCENO XIa.**

**Solanĝo, Olivero, Ĵakaso, Narciso.**

Mi ne povas tamen kuri
Al ŝi, por diri...

ĴAKASO, *montrante Solanĝon.*

Jen ŝi estas... Tuj
Parolu ! Tuj ni devas scii, kiu
El ni pli multe ŝin impresis.

OLIVERO, *cedante, bonkore.*

Nu...

*Li iras al la fenestro, dum la junuloj sin kaŝas malantaŭ la granda apogseĝo.*

ĴAKASO, *al Narciso, duonvoĉe.*

Ŝi miajn vortojn kvazaŭ trinkis !

NARCISO, *same.*

Ŝi
Rigardis, kvazaŭ mirindaĵon, min !

OLIVERO, *iom embarasite.*

Solanĝo..

SOLANĜO, *sin turnante, surprizite.*

Oliver' ?

OLIVERO.

Pri kio vi
Jen pensis ?

SOLANĜO, *iom ĝenate.*

Pri nenio... mi rigardis
Kolombon....

OLIVERO.

Diru, nun vi estas certe
Kontenta ; tie ĉi gajeco regos !
Tre malfacile estas trovi decajn
Kaj taŭgajn amuzistojn, kaj ni trovis
Du bonajn, du tre bonajn... Kiun vi
Preferas ?

SOLANĜO.

Kiun mi preferas ?... Kiun... ?
Ho, mi ne scias..., Klera, lerta,
Jakaso estas, kaj Narciso, bela...
Sed ili estas nur servistoj, tute
Negravaj homoj...

*Revenante.*

Kiel sprita la
Unua estus, se li estus grafo !
Nobelo kiel eleganta la
Alia, se li estus kavaliro !

*Post sopiro.*

Sed oni tute ne postuli povas
Ke histrionoj havu blazonŝildojn ;
Ni prenu ilin tiaj, kiaj ili
Prezentas sin...

*Post ŝanceliĝo, konfidencie.*

Sed diru, tamen... mia
Malsan', la amuzistoj kaj la Ĉarma
Reĝido... Kiam fine mi komprenos ?
Promesis vi...

OLIVERO, *ĝoje ĉirkaŭprenante ŝin.*

Reĝidon ? Tuj li venos !

*La tria akto aperos en la proksima numero.*

# LASTHORAJ NOVAĴOJ

## BELGUJO.

**BRUSSEL.** — La revuo *L'International Féminin*, priparolinte la kunsidon de l' feministaj esperantistoj dum la Kongreso de Bern, anoncas, ke similaj kunsidoj okazos dum la Kongreso de Paris. Ĝi diras : « Ni esperu, ke multaj belgaj virinoj ĝin partoprenos. Jam de nun ni povas konfidi je la sindono de F-ino MOREAU, kiu bonege kapablos klarigi nian staton en Belgujo. » JAN.

## ALIAJ LANDOJ.

**ANGLUJO.** — Sub la titolo *Unu ŝilingon, paĉjo !* okazis kun tre granda sukceso en Leeds prezentado de angla traduko de l' teatraĵo de nia sindona kunlaboranto D-ro VAN DER BIEST, *Amours Espérantistes*. BENOÎT fariĝis JOE, *a waiter* ; BLACK, *Monsieur* DUPONT, kaj *Mme* ASTREVERT, *Mrs* GREENSTAR. La tradukon tre lerte prizorgis F-ino L. BRIGGS.

**BRAZILIO.** — Gravan informon alportas *Brazila Esperantisto* : la Ŝtata Parlamento de Rio decidis, ke, en egalaj kondiĉoj, la kandidatoj al publikaj oficoj, posedantaj ateston pri kapableco aljuĝitan de l' *Brazila Ligo Esperantista* estos, preferataj al la aliaj. Tiu leĝo ricevis jam la sankcion de la Prezidanto de l' Respubliko.

**ĤINUJO.** — Nia samideano HARDIES skribis al ni : « Ni, soldatoj de la Gvardio de l' Belga Senditejo en Peking, deziras al ĉiuj belgaj esperantistoj bonan kaj feliĉan jaron, kaj esperas, ke Esperanto progresos ĉe niaj samlandanoj. » Koran dankon kaj plej sincerajn bondezirojn niavice ! INTERIM.